XXII[a] jaro. N° 314 (10) ☆ Monata ☆ Oktobro 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15[a] de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



ENHAVO



## Por nia jubileo 1887–1927.

La Kongreso en Danzig festos la kvardekan jubileon de Esperanto. Estos bona okazo por agi same kiel ŝvitanta mont-iranto, kiu haltas momente sur la vojo kaj, viŝante la frunton, rigardas malantaŭen malsuper si la tutan pejzaĝon jam preterpasitan.

Sur maro, je certa horo ĉiutage, la ŝipestro observas la sunon kaj sian kompason por mezuri precize, kie li nun troviĝas, kiom da mejloj estas travojaĝitaj kaj kiom restas ankoraŭ ĝis la celo. Similan mezuron ni nepre bezonas. Ofte homoj nin demandas: kiom da esperantistoj ekzistas en la mondo? kiom da lernolibroj vendiĝis? kiom da kursoj okazas? Ni ne povas respondi, ĉar ni ne scias precize.

Ĉiu el ni donus volonte ion por scii kaj havi pretan akuratan respondon. Nu, se ĉiuj ni deziras tion, ni povas tre facile havigi al ni la necesajn ciferojn. Sufiĉus, ke ĉiu bonvolu sendi tiujn pri sia loko. Post kelkaj monatoj oni povos fini ĉiujn kalkulojn kaj la tutan klasigadon. En 1927 ni ĉiuj konus la ciferojn precizajn kaj la deziratan respondon.

Kio estas bezonata por sukcesi? Nur iom da bonvolo en ĉiuj grupoj senescepte. Ĉu tio ne valoras la klopodon? Ni estas certaj, ke la tuta esperantistaro konsentos kun ni. Tial nia Internacia Centra Komitato, interkonsente kun UEA, kun la naciaj societoj kaj ankaŭ kun la laboristaj esperantistaj rondoj, decidis entrepreni tiun aferon kaj alvoki al ĉiuj, ke ili tuj akurate partoprenu la enketon.

Ĝin gvidos la fakestro de I. C. K. pri statistiko, D-ro Dietterle, kiu jam de pluraj jaroj energie insistas pri la neceseco de tia kolekto de faktoj kaj ciferoj. Ni petas ĉiujn esperantistojn atente legi lian artikolon sur paĝo 13 de tiu ĉi gazeto, poste proponi, ke oni ĝin laŭtlegu en venonta kunsido de la loka grupo kaj fine kontroli, ke la sekretario aŭ aparte komisiota persono baldaŭ sendu la respondaron al D-ro Dietterle.

La afero estas grava, urĝa kaj inda je la honoro de ĉiuj esperantistoj. Koran antaŭdankon al ĉiuj respondontoj! Fine ni havos precizan faktaron, se nur *ĉiuj* partoprenos. Bone memoru, ke unu ne-respondo estas krimo kontraŭ la vero kaj falsigo de la tuto. Do neniu forgesu aŭ malzorgu:

*Unu por ĉiuj — ĉiuj por unu!*

*Edmond Privat*



## SOCIA VIVO



# Laŭmetoda planado de la urboj.

En Praha fondiĝis en 1922 „Instituto por laŭplana konstruado de la urboj“, kiu celas kunigi teoriulojn kaj praktikulojn por studi taŭgan ordigon de urboj, klopodi por unuigi ĝeneralajn ideojn pri solvado de teknikaj, sociaj, ekonomiaj kaj higienaj problemoj donitaj pro konstruado, plivastigado kaj konservado de urboj, kaj helpi disvolvon de novaj utilaj ideoj en tiu fako. La instituto eldonis en 1925 verkon de arkitekto D-ro V. Zákrejs, „Metoda planado de la urboj“. Ĉiaj ideoj meritas publikan atenton.

Dum la nuntempa reguligo de urboj aperas malfacilaĵoj plej ofte en interno de la domaroj, en ilia centro, kie estas anstataŭotaj konstruaĵoj jam ne sufiĉaj per novaj, ofte pli altaj, sed kie samtempe la interdoma spaco estas plivastigota aŭ pro kaŭzoj trafikaj aŭ por ricevi pli da lumo kaj aero. Tiu vastigado estas ofte farata tute sensisteme, oni fiksas ian nombron de metroj kiel stratan larĝecon, sed ĉar oni ne scias kiom altajn domojn oni pli poste konstruos, oni trovis plej oportune fiksi la larĝecon kiom eble plej grandan. Eĉ la malgrandaj urbetoj imitis la urbegojn vastigante siajn stratojn. Ciuj situaj planoj el epoko ĉirkaŭ 1890 tre similas laŭ siaj principoj. Laŭ ĉio oni neniel atentas ĝeneralajn panoramojn; gravaj konstruaj memorindaĵoj estas forigataj, la stratoj ricevas saman larĝecon. Sed tiaj reguligaj planoj signifas ne sole finon de antikva urba karaktero, sed ili ankaŭ neforigeble malutilas al estetikaj kaj trafikaj kvalitoj de la urbo. Por forigi tiun ĉi malfacilaĵon, oni devas kuraci la kaŭzojn, ne la sekvojn.

Tial oni devas, projektante planon de iu urbo, rigardi ĝin kiel parton de la plano de la tuta ŝtato, do en donita kazo de la Ĉeĥoslovaka respubliko. En la ŝtata ordiga plano ni rimarkas diversajn regionojn diversareajn sed sufiĉe videble limigitajn, estratajn de unu ideo historia, geografia, politika, organiza, ekonomia aŭ sociala. Tiaj regionoj postulas precipe bonan solvon de la problemo trafika, sed samtempe atenton pri principoj estetikaj.

Antaŭ ol veni al plano detala, oni devas fari la bazan skizan planon por la tuta regiono. Nur poste oni faras planon detalan, kiu montras kun sufiĉa precizeco ĉiujn lokojn, sur kiuj estas permesite konstrui, nemalutiligante al interesoj publikaj. La interesojn de la ŝtato, la pli supera komponanto, devas gardi jam la plano baza, ĉar eventuala malbona plenumado de la planado detala afliktus jam sole la komunumon, komponanton pli suban. Kiam poste per plano de unuopa konstruaĵo estis fiksitaj kondiĉoj de la planoj baza kaj detala, oni povas jam senriske doni permeson konstruan por projektita konstruaĵo.

La aŭtoro faris laŭ tiuj ĉi principoj planojn de sekvantaj ĉeĥoslovakaj urboj: Rozmitál (2185 loĝantoj), Libochovice (2633 loĝantoj), Hluboká (2927 loĝantoj), Říčany (3066 loĝantoj), Polička (5044 loĝantoj), Hlinsko (5076 loĝantoj), Lysá (5252 loĝantoj), Podebrady (5973 loĝantoj), Terezín (6829 loĝantoj), Domazlice (7674 loĝantoj), Nemecky Brod (8987 loĝantoj), Kolín (16200 loĝantoj). El ili pruvis la aŭtoro, ke lia metodo estas pli rapida ol la metodo ĝisnuna, ĉar ĝi ebligas kritiki la principajn direktojn kaj aranĝojn sen dubo pri ĝusteco de la detale ellaborita plano. Tial estas tiu ĉi metodo ankaŭ pli malkara, kaj ĝi permesas plenumi la bazan planon ĝeneralan per pliposta enmeto de planoj detalaj. Ĝi ankaŭ permesas trovi tiujn partojn de domaroj, kiuj bezonas esti tuj solvataj, aŭ fari ŝanĝojn en partoj plene surkonstruitaj sen afekcii iel la bazan planon.

*D-ro St. Kamaryt.*

*

Detalojn pri la priskribita metodo donas volonte la supre citita instituto en Praha I, Staroměstské nám. 16 (MAP).

---



## NOTO



**Industria ekspluato de la Malviva Maro.** — Laŭ raporto de E. W. Polson Newman la teritorio de la Malviva Maro, konsiderita de jarmiloj kiel la plej senfrukta kaj senviva, fariĝos baldaŭ centro de industrio kaj laboro. La brita Kolonia Administracio jam entreprenis konkretajn klopodojn per ekspluati la riĉaĵojn de tiu ĉi Sala Lago. La Malviva Maro kuŝas 400 metrojn proksimume sub la nivelo de la Mediteraneo; ĝi havas la amplekson proksimuman de la Ĝeneva Lago (Lac Léman). Tiu-ĉi Senviva Maro estas plena je kemiaj saloj, tiel ke homo falinta en la maron ne povas droni. Pro la alta specifa pezo la naĝado estas preskaŭ neebla, la piedoj ĉiam klopodas veni al la supro de la akvo kaj oni povas drivi en ĉia pozicio. Bananto efektive povas legi libron sidanta en la akvon kaj samtempe sin protekti kontraŭ la senkompataj sunradioj. Pro la sala konsisto de la akvo ĉia organa vivo estas neebla kaj ankaŭ en la ĉirkaŭaĵo nenio kreskas. La tuta teritorio faras impreson malĝojigan. Tio nun ŝanĝiĝos. Ef la Malviva Maro ekvekos riĉa fruktodona vivo. Fabrikejoj laborantaj per elektra forto kaj grandaj deponejoj ekstaros tie, kie nun ankoraŭ troviĝas kabanoj primitivaj loĝataj de fiŝkaptistoj. Elektra fervojo iros tra la Jordana valo transportonta la produktajojn al la haveno Haifa. Laŭ la faritaj kalkuloj la Malviva Maro entenas ne malpli ol 30 bilionojn da tunoj de miksitaj saloj. El ili 10 bilionoj da tunoj estas ordinaraj saloj, la resto konsistas el kloro, kromo, natrio, magnezio kaj kalio. Pro la ekzisto de 1,5 biliono da klorkalio, Palestino iĝos la plej riĉa lando je kalio (potaso) kaj tiuj trezoroj povos esti levotaj per tre simpla procedo, vaporigo kaj kristalizo. La Malviva Maro sekve estas vera trezorejo kies riĉaĵoj estas ekspluatotaj. *H. J.*

# Ĉe Ligo de Nacioj.



*Impresoj pri lasta kunsido.*

Mi ĉeestis la sepan kunsidon de la Ligo de Nacioj en Ĝenevo. Stranga miksaĵo. Unuflanke admiro. Aliflanke naŭzo. Kiel sukcesi en justa juĝo aŭ akurata impreso? Kiel priskribi precize tiun kunaĵon de grandaĵoj kaj malgrandaĵoj? Kiu ankoraŭ neniam antaŭe ĉeestis, atendas emocie, ruĝan karton en mano, la momenton, en kiu la pordistoj malfermas la enirejon al galerioj. Oni kuras, oni puŝas, oni eksidas. Jen sube en vasta severa halo zumas la delegitoj de kvindek nacioj.

Supre staras prezidanto, martelilon en mano, rekta, aŭtoritata, dekstre ĝenerala sekretario, maldekstre tradukisto. Sub li: la podiumo por la parolantoj kun armeo da tradukistoj kaj stenografistoj ambaŭflanke. Pli sube: la partero kun la kvindek delegitaroj. Ĉiu disponas po kvar seĝoj: tri reprezentantoj, unu helpanto.

Malgrandaj nacioj eĉ ne okupas la tutan spacon, sed grandaj suferas je manko de lokoj. Francoj etendiĝas sur malplenaj benkoj de Hispanujo kaj Brazilo; italoj sur seĝoj de Peruo. Angloj severe tenas sin je sia loko, sed regimento de britaj oficistoj staras pretaj ĉe la pordo malantaŭ la fiksa monoklo de Sir Austen Chamberlain kaj la ronda dorso de Lord Cecil.

Multaj grizaj kapoj, multaj brunaj (sud-amerikaj), kelkaj sinjorinoj inter skandinavoj, du aŭ tri elstarantaj ĉapoj de persa kaj hinda delegitoj . . . Jen martelas la prezidanto, ĉirkaŭata de mikrofonoj. Oni voĉdonu ĉu akcepti Germanujon en la Ligon. Tradukisto vokas la landojn: Albanio: jes, Aŭstralio: jes, Aŭstrio: jes, ktp. Unuanime akceptita . . .

Jen la tago de alveno. La prezidanto invitas la reprezentantojn de Germanujo preni sian lokon. Ili eniras unu post alia blindigite per teruraj lumegoj de fotografistoj kaj kinematografistoj. Granda aplaŭdado ekkrakas. La prezidanto vokas S-ron Stresemann por paroli. Ronda, senhara viro supreniras la ŝtuparon iom impresite kaj eklegas siajn zorge preparitajn paĝojn en germana lingvo.

Regas atento surda. Nur triono komprenas kaj aplaŭdas de tempo al tempo. Poste oni tradukas france kaj ankoraŭ fojon angle. Tre takte sin esprimis la diplomato, eĉ altsente, kvazaŭ filozofe. Nun venos la respondo: supreniras la franca ministro Briand kun senzorga leona kapo griza, haroj longaj, lipharoj falantaj. Tiu facilanima fraŭlo kredeble neniam ŝatis militon, nek militistojn. Oni sentas tion en liaj vortoj, unuanime komprenataj, vibre aklamataj: „Estas finite! For la kanonojn kaj pafilojn! Tribunalo pli taŭgas. Ambaŭ niaj popoloj kolektis sufiĉe da gloro sur batalkampoj. Ili nun renkontiĝu en pli pacaj konkursoj: arto, komerco, progreso." Senfina ovacio salutas elokventan konkludon. Sekvas angla traduko kaj la prezidanto fermas la kunsidon.

Granda emocio regis. Multaj okuloj malsekiĝis. Pasis jam ok jaroj depost la terura buĉado. Ok jaroj de malfido, disputado, baraktado. Nun venis historia momento. La batalintoj oficiale repaciĝis. En la Ligo de Nacioj la Eŭropa familio retroviĝas. Kial do mankas Hispanujo, la granda neŭtralulo?

En la koridoroj iuj esprimas dubon pri la sincereco de la paroladoj. Lasu! Ĉiuokaze ili esprimis la senton kaj volon de milionoj da homoj ambaŭflanke. Tio gravas pli ol ĉio ajn . . .

Nun pasis tri semajnoj. Ĉiutage mi sekvis la kunsidojn ankaŭ en komisionoj ĉe la Palaco de l' sekretariejo kaj ĉie mi renkontis belan brunokulan amerikaninon: la vidvinon de Prezidanto Wilson. Kion ŝi pensis? Mi ŝatus tion scii.

Dio mia! Kiom oni paroladis, diskutadis kaj tradukadis pri raportoj, pri paragrafoj, pri frazoj, pri eraroj de traduko, ĝis la kapo turniĝis kaj ĉiu havis nur unu deziron: fini kaj forveturi.

Sed kion oni faris krom enakcepti Germanujon? Ne multon, al mi ŝajnis. Oni ja decidis kunvoki en 1927 la konferencon por senarmigo. Nu bone kaj plie? Oni subskribis ankaŭ kontrakton kontraŭ trafiko de sklavoj, ankaŭ bone, ĉar tiu komercaĉo ankoraŭ ekzistas inter Afriko kaj Azio. Sed krome?

Krome oni multon aŭdis en koridoroj pri intrigoj por elektoj al konsilantaro, pri angla venko en tio, franca sukceso en tio ĉi, itala rezisto al io alia. Malgrandaj nacioj plendas, ke grandaj ĉion decidas inter si. D-ro Nansen, la fama norvego, vane pledis pro rajto de indiĝenaj gentoj sub koloniaj mandatoj defendi mem siajn peticiojn de Genève. Ankoraŭ regas multa nacia spirito kaj tro malmulta internacia.

Tamen la homara spirito progresas en la mondo kaj ankaŭ iom post iom en Genève. Kiu estus kredinta, antaŭ dek jaroj, ke Ligo de Nacioj povus eĉ ekzisti? Nun ĝi vivas kvin jarojn. Estas nur ankoraŭ infana kreaĵo. Iom post iom ĝi kreskos.

En la nuna tempo ĝi fidele spegulas la bildon de siaj membroj, la diversaj ŝtatoj. Apartenas al ni, la popoloj, ŝanĝi la psikologion de niaj nacioj kaj disvastigi la veran internacian spiriton.

*Liang-ĉu-vaj.*

 EL NATURO KAJ SCIENCO 

## Malkovro de pratempa alfabeto.

Antaŭ nelonge la sciena mondo estis impresita de trovaĵoj kiuj prezentas escepte gravan intereson. Temas pri arkeologiaj esploroj faritaj en vilaĝo Glozel en departemento Allier, centra Francio. Pri tio raportas libro de D-ro A. Morlet kaj E. Fradin „Nouvelle Station Néolithique. Vichy. 1925-26." Ne estas ĉi tie la loko por raporti pri diversaj konstruaĵoj, vazoj, iloj, mastrumiloj, tie elfositaj, pri interesaj objektoj el ŝtono, siliko, osto, bakita argilo kaj vitro. La plej grava kaj unika en la arkeologio estas tie la trovitaj brikoj kaj aliaj objektoj kun alfabetaj skriboj. La epoko de tiuj trovaĵoj estas malproksima de ni je multaj mildekoj da jaroj, se oni konsideras, ke la gravuroj tie faritaj prezentas la nordan cervon, kiu jam delonge ne plu vivas en Francio.

Ni reproduktas ĉi tie parton de la Glozela alfabeto komparita kun la fenica kaj la egipta-hierata. La parenceco de la tri alfabetoj estas pli ol evidenta, ĝi frapas la okulon.

| Glozela | Fenica | Egipta | Glozela | Fenica | Egipta |
| --- | --- | --- | --- | --- | --- |

Jen ni staras antaŭ la nova fakto kiu povas revolucii nian prahistorion, cetere tre junan sciencon. Du hipotezoj estas eblaj: aŭ ke iuj mezmaraj vojaĝintoj alportis en prahistorian Francion la alfabeton de fenicoj aŭ de egiptanoj — aŭ ke la alfabeto estis kreita en la prahistoria Francio kaj de tie ĝi disvastiĝis al Egipto kaj Fenicio. La „klasika" historio certe akceptas la unuan hipotezon, ĉar la dua tute ruinigas la unuan parton de la oficiala historia scienco. La nova generacio da scienculoj, kiuj faligas unu post alia la malnovajn antaŭjuĝojn, eble preferos la duan hipotezon. Ja, multaj klasikaĵoj jam falis kaj nur la mezlerneja rutino ilin vane daŭrigas, ekz. la fabelojn pri Homero la aŭtoro de Iliado kaj Odiseo, pri Romulo kaj Remo la fondintoj de Romo, pri Ŝtek, Kij kaj Horiv la fondintoj de Kievo. (Homero signifas „arigo, kolekto", Romulo-Remo estas nomoj de du riveretoj, Ŝtek-Kij-Horiv signifas „martelo, amboso, forno", pratempa Kievo ja vere estis centro de forĝa industrio.)

La dua hipotezo plene akordiĝas kun multaj izolaj historiaĵoj, ĝis nun nekompreneblaj, ekz. kun la dokumentaj informoj pri tio ke iu blonda norda popolo „Rudru" alportis al Egipto la civilizon, ke iu saĝulo „Meneŝ" donis al Egipto leĝaron. Tiu nomo Meneŝ paraleliĝas kun Manu de hindoj, Mannus de pragermanoj, Minos de kretanoj. Ke hindoj venis el Nordo, ke skandinavaj scienculoj vojaĝis al venedaj saĝuloj (ĉe Vistulo, sur Balta marbordo) por tie sin instrui. La dua hipotezo do perfekte harmonias kun la nova teorio laŭ kiu la hind-eŭropa lingvo, kulturo kaj civilizo naskiĝis en Eŭropo mem, kaj poste vastiĝis al Egipto, Fenicio, Malgranda Azio, Babilono, Hindio k. a.

Novaj eltrovaĵoj necesas nun por konfirmi aŭ por faligi la duan hipotezon, kiu tamen ree aperas pro la mirinda alfabeto elfosita en Glozel.

## La integra fotografio.

Je komenco de la 1908 profesoro E. Estanave disciplo de Gabriel Lippmann, deponis ĉe la Scienca Akademio fermitan koverton, kiu enhavis ian elpensaĵon ne tute ellaboritan. En la 1925, dek-sep jarojn poste, profesoro Estanave, nun sekretario de la scienca fakultato en Marsejlo, atingis realigon de sia projekto, de la integra fotografio.

La fama eltrovinto de la kolorfotografio, G. Lippmann, estis tiu kiu unua havis ideon pri la integra fotografio, sed lia lerninto, E. Estanave, ĝin realigis. La integra fotografio donas sur unu plako, sen uzo de iu ajn aparato, la reliefan bildon. Du procedoj realigas tiun rimarkindan fotografion. La unua konsistas en fotografado sur ordinara plako per „ĉelara" objektivo kiu, kiel montras la bildo, estas aro da etaj lupeoj (pligrandigaj vitroj) kune gluitaj. Nature ĉiu lupeo agas kiel memstara objektivo, do sur la plako aperas tiom da bildoj kiom estas da lupeoj. Prof. Estanave laboris unue kun 95-lupea kaj fine kun 432-lupea objektivo. Kiam la plako kun 95 aŭ 432 imaĝoj estis preta, oni ĝin remetis en la saman aparaton, sur la saman lokon, kaj la observanto rigardis tra la objektivo. Ĉar unu objekto fotografita




per la ĉelara objektivo donis 95 aŭ 432 bildetojn, male 95 aŭ 432 bildetoj rigardataj per la sama objektivo donis unu bildon de la fotografita objekto. Kaj tiu bildo estis reliefa. La teorio de tiu fenomeno estas tre simpla por personoj kiuj scias la optikon.

Dua procedo nenecesigas eĉ la fotoobjektivon, ĉar la plako mem enhavas la etajn lupeojn, ĝi ricevis nomon „aŭtostereoskopa plako". Oni metas tiun plakon en la nigran kadro-kesteton, momente malkovras ĝin kaj poste oni procedas en ordinara fotokemia maniero. La plako preta estas rigardata sen iu ajn aparato kaj la multaj bildetoj kuniĝas por la okulo, por doni unu reliefan bildon. Tiu bildo ŝanĝiĝas, se la okulo iom translokiĝas, sammaniere kiel aspekto de ĉiu objekto aliiĝas kiam ni rigardas ĝin de multaj flankoj. Kune kun la „televidado" de Belin, la „integra foto" de Estanave prezentas unu el la plej belaj eltrovaĵoj de la lasta tempo.

Iufoje la gazetoj, kiuj raportas pri la integra fotografio, nomas ĝin „genia elpensaĵo". Tio ne estas ĝusta kaj justa, ĉar la eltrovintoj, G. Lippmann kaj E. Estanave, nenion novan elpensis, ili nur imitis la naturon. Efektive, jam delonge oni konas, ke la okuloj de muŝoj, abeloj, papilioj estas „ĉelaraj" t. e. konsistas en miloj da okuletoj (de 5000 ĝis 20000 okuletoj, laŭ la insekta speco), kiuj ĉiu donas sur la retino unu bildon, kaj tiuj 5000 aŭ 20000 imaĝoj kuniĝas por formi unu reliefan bildon. Tiurilate la insektaj okuloj estas pli perfektaj ol la homaj, kaj ili inspiris la du francajn fizikistojn al la bela eltrovaĵo, la integra fotografio.

---



## Subteninda Verko.

Jen sur mia tablo la tria parto de la Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana, kompilita de Eugen Wüster*). La simpatia kovrilo verda-ruĝa-blanka transformas la kutiman timon pro dikaj vortaroj en scivolemon. Estas ja Enciklopedia vortaro, post apero de ĉiuj dek partoj, lokigebla rajte kaj range apud naciaj vortaregoj. Foliumante ni unue konstatu la nesupereblan perfektecon de la presado. Blanka senligna papero, modela preso kaj agrabla literaro, ne ofendanta la okulon. Per la tria parto la nombro de paĝoj atingas 414, do post plena eliro la verko estas inter 1500—2000 paĝoj. Kompare la nacilingvaj vortaroj de tiuj ĉeflingvoj, ordinare uzataj ne estas multe pli ampleksaj. Nete distingiĝas la „Wüstero", per sistemega ordigo kaj grupigo de la vortoj devenantaj el sama radiko aŭ apartenanta al sama grupo. Tiurilate ĝi povas esti klasigata samrange inter la bonegaj vortaroj de firmo Langenscheidt (Toussaint-Langenscheidt — Muret-Sanders) tiom uzataj en Centra Eŭropo.

Pri la riĉeco de la enhavo: Ni malfermu ian paĝon. Jen 366 und 367. Kion ni vidas! Dekojn da vortoj komencantaj per Hidr' la radiko por multaj fakaj esprimoj, identa kun akvo. Hidraŭlika, hidrocefalo, hidrogeno, hidrografo, hidroskopo, estas kelkaj el tiu serio. Laŭdinda estas la preciza klarigo (Germanlingva) kun aldono de l' vorto en la ordinara lingvo kie tia formo ekzistas, ekzemple akvokapo por hidrocefalo, akvokuracado por hidropatio ktp. Ankoraŭ alian komparon, tiun de la derivataj vortoj. Hazarde malferminte mi kaptas la radikon frot' kaj trovas sub ĝi: *Frotpuregi, Frotegi, ŝmir-Froti, Frotpentri, dinamika Froto, statika Froto, glit-Froto, rulFroto, pivota Froto, ĉena Froto, ŝnura Froto, glitvoja Froto, piŝta Froto, ŝtopskatola Froto, Frotado, Froteto, Frotegi, Froteti, Frotigi, Frotiĝi, Frotilo, Frotisto, Frotumi, Frotangulo, Frotbalailo, Frotbriligi, Froteluzi, Frotinciti, Frotkerno, Frotkonuso, Frotlavi, Frotmaŝino, Frotpoluri,* kaj dudek pliajn kombinaĵojn kun preciza difino. La vortaro havas duoblan meriton: doni al ni unufoje kompletan vortliston de Esperanto (kompleta signifas por vortaro la maksimumon de ebleco) due fiksi la signifon de certaj vortoj, tiel, ke ne plu estu ia dubo. Mi opinias, ke tiu-ĉi lasta kvalito estas la plej grava, ĉar ekzistis efektive nereguleco pri uzo de multaj rekte derivitaj vortoj kaj ankoraŭ pli da malordo pri kombinajoj (kunmetaĵoj).

Laŭdinda estas plie la reguligo pri la transskribo de grek-latinaj substantivoj en Esperanton. Ni ja ne forgesu, ke tiuj du lingvoj estas la ĉefaj fontoj de la Internacia Lingvo, kvankam ofte la vortoj penetras en Esperanton per la nerekta vojo de modernaj lingvoj. Preciza kaj klara estas la principaro de la transskribo de botanikaj kaj zoologiaj vortoj, je kiuj la vortaro abundas.

Resume, bonega laboro, inda je ĉies subteno. La estonta vortaristo de la granda Esperanto-Enciklopedio trovas riĉegan materialon kaj precizan difinon; la uzanto havas fidindan fonton en dubaj kazoj kaj bonegan instruilon; la propagandisto plej bonan pruvon al skeptikuloj pri la riĉeco de la nuna lingvo kaj la seriozecon de nia laboro.

La Esperantistaro danku la aŭtoron kaj eldonejon, kiuj ambaŭ ne hezitis entrepreni tian kolosan aferon, en konkreta maniero: per aĉeto. Pro la eldono de tiu-ĉi vortaro la eldonejo Hirt & Sohn fiksis sian nomon ne forigeble al nia movado kaj estas nia devo kuraĝigi tiun firmon. Ni uzu, ni ĉerpu el „Wüstero" sed ni ne forgesu: ni aĉetu ĝin.

*Hans Jakob.*

*) Eugen Wüster. Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana. Tria parto. 24 + 124 paĝoj. F. Hirt & Sohn, Leipzig. 1926. Kosto: Frk. 19,20.



## LITERATURO



# Roma aŭtuno.

*M. Scheyer.*

Je frua mateno, griza, parte ankoraŭ dormanta stacio, kie haltas kelkajn minutojn la direkta vagonaro Milano—Roma. Oni eliras, la frunton kaj tempiojn ĉirkaŭblovas milda, opala helo. Sed en tiu ĉi pura aŭtune nuancita, kaj jam iom laca aero vibras io, kio estas akra, kio maltrankviligas kiel kiso, ĉe kiu oni dezirus perei kaj kiu samtempe la nervojn vipinstigas al plej forta streĉado.

Kaj tiun necertecon, tiun necertan atendadon subite alternas liberiga ekscito, tremetado de l' retrovo kaj plenumiĝo: tiela estas la anima agordo de tiu, kiu post longaj jaroj de disiĝo kaj sopiro, denove intervidiĝas kun la amatino, kaj ŝi ridas renkontante vin, kvazaŭ ŝi nur hieraŭ estus vin forlasinta, pli bela kaj pli dezirinda ol iam pli frue.

Tie etendiĝas vere antaŭ mi, proksima kaj tamen plena de senlimaj malproksimoj, samtempa kaj tamen plena de forgeso: la maro. Ĝia aromo, ĝia reĝa spiro, kiujn mi sentis en la plejinterno, kiuj al mi preskaŭ dolore ekbruligis la sangon. Post jaroj ree la maro.

Nun sur la ĉielo disiĝas la unuaj sunradioj, kiuj similas orajn kordojn, kaj se ilin flugektuŝas birdo, oni opinias aŭdi delikatan, en la sferojn forpasantan sonadon. Super la akvo kliniĝinte glitas kelkaj veloj, blankaj kaj oranĝkoloraj, malrapide en agrabla distreco, kiel post reveno de feliĉaj insuloj.

Estas unu el tiuj maloftaj momentoj, kiam oni ne plu sentas la surde dolorigajn katenojn de la propra mi, la nekuraceblajn vundojn de l' konscio, kiam oni sin ne plu kredas disigita de ĉio viva: kiam oni for de ĉia estanteco kaj ĉia rememoro, sentas liberige kunfandiĝi la propran eston kaj la senlimecon tie ekstere, al muta skuiĝanta ĉirkaŭbrako.

La „Pronto!“ de l' vagonestro. Ni forlasas la stacion Civitavecchia. Tie pasigis Stendhal, estante franca konsulo, malgajan tempon de hejmsopiro al sia amata Milano, tien „al malfermita maro“ volis forkuri Tosca kun Cavaradossi ...

La vagonaro rapidegas tra Campagna. En apenaŭ unu horo ni estos en Romo.

* * *

Roma aŭtuno! Oni ĝin gustas, lasas ĝin fandi sur la lango, nobla tromatura frukto, travidebla vinbero, en kiu ŝajnas enfermitaj la lasta dolĉeco kaj la lasta sango de la suno. Romaj aŭtunmatenoj sur la Pincio kaj en la sendeziraj ĝardenoj de la vilao Borghese: la lumo estas fianĉine tiel juna kaj kristala, ke oni povus kredi al revekiĝo de l' printempo, se ne estus samtempe en la aero nevidebla adiaŭado, la amara kaj terura spiro de l' „pasado“, la mortelaca, malsana rideto de animo, kies sorto jam plenumiĝis, kaj kiu nenion povas esperi plu, nenion atendi ol la grandan mallumon. Horo pasigita sur la malnova Via Appia, Appia Antica: kiam velkas la tago, kiam silento kaj viola krepusko ekkaptas Campagna'n, kiam ŝajnas gigante kreski vesperĉielen la silueto de Tomba di Caecilia Metella. Giganta kaj tamen nur fantoma monumento de forpasado kaj de nenio, post ĉiuj krioj kaj ĉiuj orgioj. Terura malkuraĝeco ŝajnas leviĝi de la tero. Sur la horizonto estingiĝas lasta lumstrio kaj oni volus ĝin alpremi al si en neeldirebla humileco kaj sindonemo, kiel oni ĉirkaŭbrakas lastan esperon, amatinon, antaŭ ol ŝi forlasas nin, kaj oni scias, ĉio ĉi estis vana, ŝi neniam plu revenos.

La strio estingiĝis kaj oni restas sola kun si kaj sia soleco.

Roma aŭtuno! Multkolora, infana popolo en Rocca di Papa kaj Albano, topazkolore arda vino en Castel Gandolfo, en la malgranda Trattoria, malsupre de la papa vilao, kie loĝas nun la plej eleganta el la kardinaloj, Merry del Val. Tute sube en la ruĝa posttagmeza suno brulas Romo, kvazaŭ ŝtiparo de volupto, maldekstre brilas abunde la Tirenia Maro kaj ĉiu guto de la nobla, topazkolora vino, donacas elrigardon al proksima fabelinsulo: en vivon sen malbeletaĵoj kaj suferoj.

Horoj en Frascati en la ĝardenoj de l' vilao Grazioli, kie je l' fino de longa ombro- kaj sekretoplena vojo, en malgranda maldensejo subite eksonas miriga akordo de grizo kaj verdo: malnova difektita fontano lokita en musko, la senmova akvo-ebenaĵo kovrita de delikata alga vualo, kaj ĉe la piedoj de la fontano dise kelkaj timemaj ciklamenoj, kiuj ŝajnas sin serĉi reciproke per siaj ĉastaj okuloj. Horoj en la vilao Aldobrandini, kie en sekreta, intima bosko, malhelaj tromaturaj rozoj, jam mortante kovras la belegan nudan ŝultron de marmora Diana per siaj folioj, kiel per mutaj kisoj. Tie mi ankaŭ legis la devizon: „Odi et ama!“ — „Malamu kaj amu!“ Tiu, kiu konstruigis al si tiun ĉi noblan miraklon, komprenis ambaŭ: malami kaj ami. Ĝuemaj posteuloj de la Renesanco, de la luksa poemo pri la volupto, pri la sango kaj la morto.

Roma aŭtuno! Sude blua nokto sur la Forumo, je ŝtono rigidiĝinta fantomo de l' Antikvo en mondrevo de la sankta roma eklezio. Ruinoj de l' kontestado. La konsuloj, la legionoj, la senato, la imperatoro, ĉe ĉiu triumfo de l' venko kaj de l' ĝuo ili nur forgesis pri unu: pri la fino. Kio restis? Kripligo kaj ruboj, ruboj kaj kripligo. Sub la arkoj de Koloseo serĉas senloĝejuloj rifuĝejon por la nokto.

Sed la aero super ĉiu ĉi tragiko estas delikata kaj mola, kiel virinmano, kiun oni dankeme premus al la lipoj.

* * *

Funde ŝanĝiĝis — je sia avantaĝo — la moderna Romo: ĉie ordo, pureco, disciplino. Ne ekzistas plu marĉandado kun veturigistoj, nenia preztrompado. La trinkmono estas preskaŭ ĉie forigita, por servado oni kalkulas 10 procentojn. La fervojoj estas zorgeme puraj kaj la vagonaroj veturas kun severa akurateco.

Ĉie oni renkontas grandajn afiŝojn: „Kiu ne laboras, ne havas rajton je la vivo“. Kaj tiu ĉi admono ne estas nur sur la papero, nune oni laboras en Italio kun norda persisteco.

* * *

La Romaninoj ne ŝanĝiĝis en ilia dekorativa beleco, belegaj virinoj por la okulo, kiam ili en duka sinteno paŝas sur la Piazza Colonna, altkreskaj; sur la vizaĝo masko de certeco kaj gemeca malvarmo, tamen en la okuloj kaj en la flekseblaj melodioj de iliaj korpoj ekfajreras deziro kaj pasio, kaj ĉarmo kaj allogo dissendas siajn ensorĉigajn ondojn kaj

la stampo de iliaj molaj voĉoj ŝajnas saturita de provoko kaj raso.

Sed rapide ili maljuniĝas en la Eterna Urbo, pli rapide ol la Milananinoj, aŭ la famaj Bolognaninoj, la beleco de la Romaninoj plejparte antaŭtempe foriĝas. Por kiel eble plej lonĝe kaŝi la elvendadon, ili sin kelkfoje lakas tiel, ke oni preskaŭ estus tentata ĉirkaŭpendi al kelkiu el ili tabuleton: Atentu! Freŝpentrita!

* * *

Unika urbo!

Por adiaŭi ĝin mi iris al la Fontana di Trevi, antaŭ du jarmiloj latina knabino malkovris tiun fonton kaj prezentis ĝian virgulinan akvon al la soifantaj romaj legionanoj.

Oni trinku el la Fontana di Trevi kaj poste ĵetu moneron mezen sur la akvosurfaco, tiam ekestos ebleco revidi Romon. Tiel ĝin volas malnova superstiĉo.

En krepuska vespero mi hejmeniris, ankoraŭ unufoje tra la stratoj kaj placoj kie maltrankvileco kaj detruo serĉis ripozon.

Romo, la Eterna Urbo, estis detruita kaj restariĝis el la rubegoj, sed kion homoj en la homo detruis, daŭras morte kuŝi sub la rubo.

De sur la Trinità dei Monti ŝvebas sonorado de l' sonoriloj. Malsupre sur la Piazza di Spagna estingiĝas bonodora kolorsimfonio en malhelo. La aero estas plena de sorĉa mildeco.

Adiaŭado de Romo. Nur tie ĉi oni povas kompreni la melankolion de ekziligita Ovidjo:

*„Illius tristissima noctis imago*
*quae mihi supremum tempus in Urbe fuit“.*

„De tiu nokto plejmalĝoja bildo
en kiu mi adiaŭprenis de Romo.“

Tradukis *Karlo Kozina,* Wien.

---

# La muŝo.

De *G. Toparceanu.*

Kiel ĝi leviĝis ĝis la fenestraro de la supra parto?

Banala muŝo — *musca vulgaris* — kutime apenaŭ atingas tri-kvarmetran alton. Devus esti kulo, vespo, iu *magna specie,* por surkuraĝi la trian etaĝon.

Aliel ĝi kapturniĝas! Aŭ neatendita aerkuro kaptas kaj ĵetas ĝin kiu scias kien. Ĉar tia estas ja la brutala leĝo de l' vivo: la fortulo venkas kaj la malfortulo mortas, devas morti, — eĉ se ĝi protestas...

Malgraŭ ĉio ĉi, mia muŝo nerimarkite suriĝis tien, sen multa klopodo: jen pruvo, ke ankaŭ la etuloj povas kelkfoje tre alten leviĝi.

Tra la fendo de l' fenestro ĝi eniris ĉambron silentan kiel sanktejo, kaj ĝi rekte malsupreniĝis, sen invito, sur teleron ĉe la mezo de la tablo.

La telero estis malplena.

Tamen laŭ la odoro, (nur laŭ la odoro), oni povis eltrovi ke tie estis porcio da „monaka giveĉo.“*)

La muŝo rapide alfrotis kelkfoje siajn piedetojn al la nazo, poste ĝi lerte malsupreniĝis de la rando de l' telero kaj komencis esploran ekskurson sur la tablotuko.

Jen tie-ĉi, jen tien ĝi pasis zigzage, kun etaj intermitoj, kun mallongaj haltripozoj. Oni ne povis vidi ĝiajn piedojn. Ĝi ŝajnis gliti, tirite de nevidebla fadeno.

Tiel ĝi pasis trans alumeton duone forbrulintan, scivole haltis ĉe cigareda restaĵo, malpurigis la pinton de unu flugileto en guto da violkolora inko brilanta surpapere kvazaŭ skarabo kun oraj reflektoj. Poste ĝi suriris fermitan libron, apud la lampo, kaj de la refaldiĝinta angulo de l' kovrilo ĝi indiferente rigardadis la kampon antaŭ si.. La titolo estis skribita grande, en la mezo:

KRONIKO.

Atente ĉirkaŭirinte ĝin, ĝi denove haltripozis tie, inter la literoj kaj ŝajnis pensi pri io... Kaj ekirinte pluen, restis post ĝi eta, nigra punkto.

*Tamen* ĉi estaĵetoj ne havas inteligenton — nur instinkton. Sekve ĉe ili oni ne povas paroli pri animaj okazintaĵoj, pri natura kunligo inter penso kaj ago.

La muŝo alvenis supren, en la angulon, kie estis skribite per ornamitaj literoj: „Ex meis libris. T. Legemulaĉ.“ Poste ĝi gracie deiris, tre rapide pasis tra „t. t. urĝa“ skribita sub la adreso de kovertego sen poŝtmarko, kaj ĝi restis pendanta ĉe la tablorando, super la abismo.

La spaco logis ĝin.

Ĝi facile foriĝis kaj kun delikata zumo daŭra, kiel farus motoro de miniatura aeroplano, komencis desegni kapricajn liniojn en la trankvila aero de l' ĉambro. Jene ĝi pasis flugpende, distrite, antaŭ la ŝranko, preter bildo pri „Ĉaso de blankaj ursoj“, apud alia pri Otelo staranta surgenue ĉe la lito de Desdemona, konfuzis kelkajn polvofadenojn en „la imperio de sunradio“, ekiris rekte al spegulo, kie ĝi kunpuŝiĝis kap-ĉe-kape kun tutsama muŝo, pasis super la lito kaj finfine ĝi decidis surbordiĝi strangan elstaraĵon.

Tio estis la nazo de T. Legemulaĉ dormanta kun la manoj subkape. Momenton ĝi restis senmova. Poste ĝi singarde malsupreniĝis al la buŝangulo, kie kelkaj malmolaj lipharoj baris ĝian vojon.

Tiam la buŝo de Legemulaĉ ekmoviĝis nervoze...

Sed post kelkaj momentoj la muŝo refoje lokis sin sur lian nazon. Nun ĝi ŝajnis pli gaja, pli certa

*] „monaka giveĉo“ = manĝaĵo el diversaj legomoj

pri si. Sen evidenta kaŭzo, ĝi jubileis. El ĉiuj ĝiaj trajtoj radiis esprimo de ena kontento, la atesto pri la plej simpatia optimismo. Ŝajne ĝi lavis sian vizaĝon per la du antaŭaj piedetoj, — kiel faras la katoj ĉe veterŝanĝo — diskrete agante sur sentema parto.

Legemulaĉ grimace movetis sian nazon unuflanken . . . Sed la muŝo, farinte elegantan pirueton en la aero, kun senkonscia malico, je kiu kelkfoje eĉ la senanimuloj estas kapablaj, sidiĝis samloken . . .

Tiam Tomaso Legemulaĉ malfermis unu okulon.

Supermezure indignita, li rigardis ĝin de proksime . . . Poste, apenaŭ regante sin, li malrapide eltiris sian manon de sub la kapo kaj fulme ĵetegis ĝin super la nazon . . . sed lia pugno nur aeron povis kapti kaj forte batpuŝiĝis al la muro.

Tiel okazas: kiam oni tro deziras fari ion, ĝuste tiam oni nenion faras. Laŭ la rakonto pri tiu, kiu volante enseliĝi falas trans la ĉevalon.

Legemulaĉ saltis surteren el la lito.

La muŝo prenis proporciojn de persona malamiko.

Jen ĝi flugis al la tablo, de la tablo al la forno, de la forno al la spegulo, de la spegulo al la pordo. Nenie ĝi havis tempon por ripozo: ĉie la sama mano obstina sekvis ĝin . . .

Fine ĝi ekflugis hazarde, sencele.

Eniĝis sub la seĝon, pasis supren ĉe la plafono, super la ŝrankon, venis malsupren, kelkafoje albatiĝis per sia kapo al la diafana fenestrovitro „imitanta" la travideblecon de l' aero . . .

Ĝi enuis kaj restis senkuraĝigita. La flugiloj apenaŭ tenis ĝin ankoraŭ. Ĝi ne bone lokiĝis kaj devis denove ekflugi, tuj kiam ĝi sentis, ke proksimiĝas tiu absurda kaj ruza mano; devis senĉese flugadi, sen konscio pri la kialo. Ĉar ĝi ne komprenis la konstantecon de la danĝero kaj ĝia certa instinkto ĝin portis en senhalta rondflugo.

Sed subite ĝi haltis malsupre, apud granda ŝuo, kie ĝi malkovris ruĝan pomŝelon. Dum momento, forgesinte la tutan danĝeron, la muŝo avide eksuĉis ĝin.

Sed tiel manĝegante, terura bato fulmfalis desupre.

Estis katastrofo, kataklismo, io simila al la senkateniĝo de la blindaj fortoj de l' universo.

Nenio plu restis el ĝi.

*

Jenmaniere pereis sen postsigno, enfandiĝinte en la grandan ĉion, jene pasis en la dezertan regnon de Nirvano, ĉi estaĵo senkulpa, por kiu la vivo estis nura serĉkuro post dolĉaĵoj, eta okazo por plezuro.

El la rumana originalo trad. *Tiberio Morariu.*

# *La Danaidinoj.*

Mihaelo Babits.

---

*Sube, en submond' silenta, mond' malĝoja kaj senventa, inter asfodeloj, kie asfodel' eĉ ne moviĝas, funebrarb' ne branĉbalancas, nek petal' papava falas, ĉar la vento tie dormas, kuŝas liton asfodelan, svene kuŝas en silent',*

*kie lagoj ŝtalspegule kaj senmove sin elsternas, sin palpebroj baldaŭ fermas, ĉar palpebro-ventumanto, ŝaŭmopunto-krispiganto, ne iradas tie vent',*

*en amforojn vaste vastajn, en amforojn alabastrajn, kvindek ombroj, palaj ombroj, svelta vazon enmergante, jen mergante, jen verŝante, kvindek palaj damnitinoj por eterne verŝas plu,*

*kvindek palaj damnitinoj verŝas vane, sen la fino, en la vastajn alabastrajn vazojn sian karan sukon, la neniam sufiĉantan sukon el la Lethe-flu'.*

*Funebrarboj, svelt-gigante, staras, branĉon ne skuante [ĉiu branĉ': anim' malnova, sinmortiga; nun, senpova, sur senmova muta arbo vegetadas kun sopir',*

*sente, sed sen konscipovo sin etendas sen ekmovo, sen ekmov', sub noktostampo, tra la kampo,*

*tra la kampo, kie Lethe (ĉar ĉi kampon lavas Lethe) de mil kulpoj forlavitaj malpurakve, de prakulpoj forgesitaj malpurakve, ne pereas en rondir',*

*ne pereas, mar-atingas, sed sepoble ronde ringas, en sin mem reflue]: tie, kvindek ombroj damn-ebrie en la kvindek vazojn vastajn verŝas la neniam lastajn larmojn, akvojn vane plu,*

*jen mergante, jen verŝante, vane, ĉar la kvindek fataj vazoj ne fariĝas sataj kiel mar' per si defluas, sin fortiras suk' ilia, kaj la kvindek damnitinoj en la vastajn, alabastrajn vazojn por eterne vane verŝas el la Lethe-flu'.*

*Kvindek ombroj, alabastro-korpaj, kun la korvoharoj, sente, tamen senkonscie, verŝadante kantas tie kanton kun duonkompren',*

*kvindek palaj damnitinoj rememorojn revenantajn, el la supra suna mondo subportitajn, subkonsciajn, sufokvoĉe kantas jen:*

*„Ni mortigis niajn edzojn, kvindek grandajn, fortajn virojn, kaj ni amis, ni nur amis, dio scias, kiun amis, sopirkruĉon enmergante, jen mergante, jen verŝante, sur la verdaluma tero, supre sub la ora sun'.*

*Vortoj foraj revenadas en animojn la mallumajn, kiel en mallum' en ĉambrojn enfalintaj stratolumoj, kio la signifo: ve, ni vane penas rememori, kion do signifas:* ami? *kaj:* deziri? *kaj:* brakumi? *en mallumo ni la ombrojn vane demandadas nun.*

*Do ni kantu:* Ni mortigis *— ni memoru:* niajn edzojn *— kantu ni eĉ sen kompreno, kaj ni mergu, kaj ni verŝu; ja ne povas ni ĉesigi; kantu ni eĉ sen kompreno, ĉar ja male estas muto, kaj ĉi muto tiel premas! muta, murda mallumego kaj silent'."*

*Jene kantis kvindek ombroj, kvindek palaj damnaj ombroj, inter si tiel similaj korvoharaj, alabastro-korpe palaj fratvirinoj, kantis sur la kamp' de Lethe, ĉe amforoj, papavfloroj, animarboj, heleboroj, apud Lethe, kie vent',*

*sube, en submond' silenta, mond' malĝoja kaj senventa, kuŝas liton asfodelan, svene kuŝas, en silent'.*

*El la hungara:* K de Kalocsay.



# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Sub titolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Literaturo. — Scienco. — Sociaj demandoj. — Lernolibroj. Propagandiloj kaj gvidiloj.**

*

Aperis la unua volumeto de „Biblioteko Tutmonda“, la kolekto jam de longe priparolita kaj anoncita, kiun iniciatis la firmo Rudolf Mosse. Laŭ eksteraĵo kaj amplekso tiuj libroj okupas mezan lokon inter la du iom similaj kolektoj prave tre ŝatataj „Esperanta Biblioteko Internacia“ ĉe Ellersiek kaj Borel kaj „Internacia Mondliteraturo“ ĉe F. Hirt & Sohn. Povu la nova ne sufoki la malnovajn. Diferenco tamen estas, ke Biblioteko Tutmonda aperigos regule siajn kajerojn, aboneblajn nur per serioj da dek numeroj, kaj ke ilia enhavo estos tiom scienca aŭ teknika, kiom beletra. La unua: *Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj*, havigas per kvar bone elektitaj tekstoj bonan ideon pri, ne ĉefa, sed tre talenta franca aŭtoro de l' lasta jarcento. La tre flua traduko de S-ro J. Borel permesas konscii la koncizecon, klasikecon, per pura objektiveco atingitan fortan impresemon de l' originalo. Kaj nun, ĉar oni pli facile decidas vidinte taŭgan specimenon ol promesan prospekton, nia samideanaro subtenu efike la novan eldonaĵon vere malkaran; je ĝia sukceso, ne ĉefe la eldonanto, sed la abonantoj mem kaj nia tuta afero profitos.

La dua volumo de „Biblioteko Tutmonda“ estas triobla numero, ĝi do estas ampleksa verko, traduko de holanda nuntempa aŭtoro: Frederik van Eeden. La titolo: *La malgranda Johano* povus imagigi, ke temas pri infanecaj rememoroj aŭ ia junula romano. Tute ne. Ĝi estas fabelo, sed fabelo por maturuloj, ne el la amuza speco, sed el tiuj, kies instruo estas kaŝata sub dika ŝelo. Kun vola komprenemo kaj serĉado al tio, kion nur malrekte diras vortoj kaj agoj, oni eklegu la libron. La malrealaj vivo, personoj, okazoj estas simbola kreaĵo, filozofia rigardo al la profundaj regionoj de l' homa cerbo, pripensado pri la reciprokaj influoj de l' individuo kontraŭ la naturo kaj la kulturo, rakonto pri la nekonscia parto de la vivo kaj ne pri la korpa aŭ la spirita. Cetere ne ĉio estas klara en la intencoj de l' aŭtoro, kaj ĉiu leganto, laŭ sia animstato, en ili ion alian trovos. Sed nedubeble li estos antaŭ originala, pripensiga alegorio kaj altsente lin impresos la etiko de renkontataj misteroj ĉe infana animo, kies disvolviĝo skizas tiun de l' tuta homvivo. Per simplaj rimedoj la aŭtoro kreis poeziplenan bildaron; lian harmonian stilon la tre lerta tradukinto havigis al la esperanta teksto; ĉi tiu estas ne nur lingve bona, sed vere flua kaj eleganta, malofta je novaj vortoj. Krom unu sola miksaĵo de linioj ankaŭ laŭdinda estas la korekta neta preslaboro.

*

Sub simbola titolo *Ruĝa kaj Blanka* S-ro L. Ivn verkis originale rakontojn, kiujn publikas „Biblioteko de Sennaciulo“. Ili estas karikaturoj, amuzaj sed ankaŭ akraj, de la postrevolucia tempo en Sovetlando. Mire oni konstatas, ke, en libro eldonita de asocio tre antaŭenema, tiel trafe estas mokata la organizo kaj faroj de l' nuna rusa reĝimo. Se kelkaj aludoj aŭ trostreĉitaj esprimoj restas ne tute klaraj, la senskrupula agado de atencantoj, ŝtelistoj, trompistoj, aĉeteblaj oficistoj aŭ falsaj komunistoj estas vigle pentrata. Precipe la du rakontoj „Delegitaro“ kaj „Nekrologo“ en sia malvarma ironio memorigas pri iu Mark Twain, kies bonhumoro estas fariĝinta vipanta satiro.

*

De l' samaj eldonantoj venas *En katenoj de la maljusteco*, virina krestomatio de „Sennacieca Revuo“. Dekok tekstoj de diverslandaj aŭtoroj, prozaj aŭ versaj, la unuaj pli bonaj ol la duaj, pledas por la virino, ŝia sintenado en la Komuno (Parizo 1871), ŝiaj suferoj kiel edzino de mizerulo, kiel uzina laboristino, kiel kaptaĵo de malhonestaj viroj, kiel malriĉega patrino, kiel dolora naskantino, kaj rajte postulas seksegalecon, virinvoĉrajton, plitaŭgan infanedukadon. Kelkaj bildoj ornamas tiun interesan broŝuron.

*

*Nova Pandoro* estas teatraĵeto por geknaboj, kiu ludata, ekzemple ĉe festo fine de kurso, kun belaj kostumoj kaj dekoraĵoj devas esti tre plaĉa spektaklo.

*

*Benjameno W. Smith*, historieto pri elfarado (nekomprenebla subtitolo), estas luksa eldono kun mallonga biografio de Usonano, kiu per honesteco kaj persistemo sukcesis kaj riĉiĝis. Sed kredi, ke la morala kaj eduka profito de tiu rakonto estas tiom grava kiom imagas la eldonintoj, tio ŝajnas iom infana.

*

Ankaŭ en Esperanto la sepcentjara datreveno post la morto de Sankta Francisko el Asizo naskas librojn. Jam estis priparolita „La Padova Lilio“ de P. Carolfi. Nun S-ro F. Pizzi prezentas al ni tradukon de *La Floretoj de S. Francisko*, mezepoka verko, kies itala originalo datas de la 13-a jarcento. Ĝi cetere similas al tiu multnombraj vivoj de sanktuloj, kaj ankaŭ raportas pri mirakloj, diaj ekstazoj, tujaj konvertiĝoj de nekredantoj, forpelo de demonoj, aperoj de Kristo aŭ de liaj disĉiploj. La animo de Francisko, lia amo al proksimuloj, lia rezigno je mondaj kutimoj kaj riĉecoj, jen la bonodora parfumo de la Floretoj. La arĥaika naiva stilo de unu el la praaj itallingvaj verkoj estas interesa kaj konservata en la traduko. Sed krom kelkaj preseraroj, tiuj ĉi ofte pekas kontraŭ nia lingvo per tro komplikaj frazoj, kie pronomo „li“ montras diversajn personojn, per konstanta uzo de adverbaj participoj ne rilatantaj al la subjekto, per misuzo de resendaj verboj „miri“, „daŭri“, „penti“, „silenti“, de l' resenda adjektivo „sia“; tiajn makuletojn oni devus kaj povus eviti. La verko kaj eldonaĵo meritis pli zorge korektitan tradukon.

*

De l' imperio de l' leviĝanta suno venas al ni la *Verda Mateno*, legolibreto plaĉe eldonita kun anekdotoj, proverboj, eltiraĵoj el konataj verkistoj, tekstoj parte eltirataj el Unua Legolibro de Kabe, parte tradukitaj de la kompilinto Hirokazu Kaji. Por ni eŭropanoj tradukoj el Oriento estas pli interesaj, sed por japanaj lernantoj kredeble sammotive taŭgas la farita elekto.

*

En pli bela preso kaj formato ol tiuj de l' unua eldono reaperas la historia novelo *Ferdinando VI-a kaj Farinelli*. Ĝi rakontas, kiel fama artisto sukcesis savi la hispanan reĝon el la komploto de liaj malamikoj kaj agrable imagas la detalojn necesajn por vivigi historian okazintaĵon.

* * *

*Sekspsikilogio*, originala studo de Siegfried Ziegler, apartenas al la scienca kolekto de S. A. T. Post la laboroj de Forel, Freud kaj aliaj, la seksaj fenomenoj, antaŭe ignoritaj, fariĝas temo ne nur laŭmoda, sed science ekzamenata. La nova verketo provas novan sistemon sintezi per kurboj la sinsekvan evoluon de l' diversaj elmontroj de l' sekseco dum la vivo, kaj interesaj rimarkoj rilatas al aperaĵoj ĝis nun nebone aŭ neĝuste klarigitaj. Bedaŭrinde la malamplekso de l' verko kompare kun la vasteco de l' temo devigis la aŭtoron al seka tro konciza priskribo kaj al tro sciencaspekta terminaro, kiuj malhelpos, ke nekleruloj plene kaj facile komprenu ĉion.

*

Pro alia motivo, plena ignoro de l' japana lingvo kaj eĉ literaro, la recenzanto ne povas juĝi pri *Fonetika studo de Esperanto*. Laŭ tio, kion oni divenas, la verko de Joŝicugu Okamoto estas scienca detala studo de Esperanto rilate parolorganoj, literoj, prononco, silabado, akcento, en komparo kun aliaj lingvoj. La

verkoj de niaj teoriistoj: Ĉefeĉ, de Beaufront, Moch, Wüster k. c., estas ofte citataj. Ni esperu, ke iam tia verko, kian ni ĝis nun ne havas pri nia lingvo, estos tradukita aŭ reverkita en Esperanto.

* * *

La demando pri uzado aŭ malpermeso de alkoholo estas por multaj nacioj vivproblemo; la provoj nun farataj en kelkaj landoj „sekaj" interesas la tutan homaron kaj la movado pri abstinenco trovis ĉie apostolojn. Unu el ili estas S-ro Salokannel; el lando finna, kie ĝuste la lukto kontraŭ la veneno mirinde sukcesis, li dissendis resumon de la kontraŭalkohola argumentaro en originale koncize verkita libreto: *Grava popolhigiena kaj socia demando.* Ĝi povu fortigi aŭ estigi lian konvinkon ĉe multaj.

*

Dum la kongreso en Ĝenevo estis disdonata broŝuro bele ilustrata: Hebrea progreso en Palestino. Ĉi tiu jaro en Edinburgo sekvis: *Novaj Homoj — Novaj Vojoj,* kiu pli detale, per vortoj kaj per ne malpli interesaj bildoj, informas pri hebrea koloniza laboro en speciala regiono de Palestino. Tiu nova lukse presita broŝuro estas senpage sendata al interesatoj kaj celas diskonigi la agadon de Cionista organizo.

* * *

Profitante la laboron por sia lernolibro por germanoj jam kvinfoje eldonita, la spertojn de longa poresperanta agado kaj fakan majstrecon en pedagogio, D-ro Möbusz aranĝis lernolibron uzeblan en ĉiuj landoj ĉar ĝi entenas nur esperantajn vortojn, klarigojn kaj tekstojn; ĝi estas speciale ŝatata tie, kie ne aperis ankoraŭ bonaj plenaj instruiloj. La *Universala Esperanta Lernolibro* tute obeas la nunan tendencon, kiu prave volas, ke la lernanto mem ĉiel laboru kaj ne nur aŭskultu. La unua libro, por lernantoj, per 14 ampleksaj lecionoj, konversacioj, vortfarado, gramatikaj ekzemploj kaj reguloj, legaĵoj kaj ekzercoj kondukas al praktikado de nia lingvo; dua libro, por kursestroj, krom tekstoj nacilingve diktotaj al la lernantoj kaj de ili tradukotaj, pli enhavas multajn konsilojn por faciligi, vigligi, efikigi la instruadon. Memlernadon tiu metodo ne permesas, sed laboremaj kursanoj kaj kursgvidantoj multon profitos sekvante ĝin; mi ne miras, se, eĉ provizitaj per bonaj nacilingve verkitaj lernolibroj, multaj instruantoj preferus enmanigi al siaj disciploj tiun pure esperantan libron, kiu per si mem aplikas jam la plej bonan parton de l' senpera kaj perlabora instrumetodo.

*

Tre riĉenhava tekstaro en Esperanto, kvazaŭ enciklopedieto de la praktika vivo, en tute bona stilo, estas la *Helpanta Temaro* de S-ro Mangada. La aŭtoro klarigas, kiel, per la temoj, per demandoj kaj respondoj pri ili, la lingvo facile eniras tra la oreloj, por poste flue reeliri tra la buŝo en rapida, korekta parolaro.

*

S-ro van Bussum kompilis plenan *Esperanto-Leerboek* por nederlandanoj, uzeblan en kursoj, lernejoj aŭ memstudado. Bela preso, detalaj klarigoj, bonaj ekzercoj, ĉio necesa por konduki ernanton al facila uzo de nia lingvo kaj al sukcesa ekzameno; ties tradukitaj temoj finigas la libron.

*

Aperis dua eldono de *Ĉu Katino?,* kiu por sam- kaj alilandanoj kaj per diversaj ludoj instruas la korelativajn vortojn. Oni feliĉe korektis la multajn erarojn de la unua eldono, sed ne ankoraŭ pruvis, ke tiom da klopodoj estas vere necesaj por lernigi simplan kaj logikan tabelon.

*

Por flandroj S-ro Schoofs adaptis la malgrandan lernolibron unue eldonitan en Franclando sub titolo: „Premier Manuel". Taŭga por germanlingvanoj estas la vortaro *Esperanto-Deutsch* de D-ro E. Pfeffer, kun ĉiuj oficialaj radikoj kaj plej uzataj fakesprimoj, kaj por ĉeĥoj la *Frazeologio Ĉeĥa-Esperanta* de S-roj Riedl kaj Ĉansky kun traduko de tre multaj esprimoj, parolturnoj proverboj, alfabete ordigitaj laŭ la ĉeĥaj frazoj aŭ frazeroj.

Laŭteme kaj laŭdate ordigita tabelo kaj informaro pri ĉiuj klopodoj, verkoj, organizoj, konferencoj celantaj al homara paciĝo, jen la enhavo de: *Datoj kaj faktoj pri la paca movado.* En ĝi oni do facile trovas la bezonatan, foje longe vane serĉatan, informon pri grava idemovado nuntempa. Nun danku al la aŭtorino Anna T. Nilsson pro la verko mem kaj pro ĝia esperanta traduko, ambaŭ laŭdindaj.

*

Kun anagrama titolo: *Ĉies Internacia Esperanta Stenografio,* du kajeretoj en kiuj S-ro Dyba donas metodon de rapidskribo imitata de la sistemoj uzataj en Germanujo. Kredeble pri ĝi, kiel pri aliaj, la plej bona stenografio estas tiu, kiun oni mem lerte uzas.

*

Hispana Esperanto-Asocio publikas sub titolo *Que es el Esperanto* ampleksan hispanlingvan broŝuron kun gramatiketo, raporto akceptita en 1922 ĉe Ligoj de Nacioj, raportoj pri la eksperimento en Eccles, pri la tri konferencoj en Venezio, Ĝenevo kaj Parizo, kaj kolekto da asertoj pri lingvo internacia de aro da famuloj, literaturistoj, sciencistoj. Tre trafa plena propagandilo. Por landoj, kie estas parolata la germana taŭgas la broŝuro de S-ro J. Perlet: „Zur Lösung der Frage einer internationalen Handels- und Verkehrs-Sprache", kun anoncoj.

*

Tre taŭge aranĝita, lukse eldonita, estas la *Kongresa Libro,* kies informaron profitis la kongresanoj dum la Dekoka en Edinburgo. Ĝi pruvas la seriozan preparadon de l' kunveno; ĝi estos kara memoraĵo por la partoprenintoj, kaj ĝiaj tekstoj kaj bildoj interesos kaj bedaŭrigos la forestintojn.

*

Riĉa kolekto de la plej uzataj komercaj vortoj estas en la angla-esperanta vortareto: *Common Commercial Terms;* ĝi estos utila por komercistoj uzantan Esperanton kaj por lernantoj ĉe komercaj lernejoj kun esperantaj kursoj.

*

La „Gerlands Beiträge zur Geophysik" aldonas al siaj artikoloj aldonon kun *Resumoj en Esperanto* redaktataj de S-ro O. Simon. Kiam tiu farmaniero estos akceptita en ĉiuj gravaj sciencaj revuoj, rapidajn progresojn faros nia lingvo en la sciencaj rondoj.

*

Ses belaj bildoj en kolorita koverto atentigas fremdulojn pri la *svisaj alpveturadoj* per poŝtaj aŭtomobiloj; la teksto dorsflanke de unu el ili estas, en Esperanto, reklamo por tiuj vojaĝoj kaj por nia lingvo. Ankaŭ pri la internacia ekspozicio pri rivernavigado kaj hidraŭla energio ĵus okazinta en Basel oni dissendis esperantan prospekton.

*

Multaj gvidlibroj kaj gvidfolioj ĵus aperis. Inter la unuaj estas: Bela albumo kun fotoj montrantaj la ekspozicion aranĝitan en Kobe (Japanujo) de Kooperativa Gildo Virina; *Hispanujo,* bele eldonita libro, kiu priskribas la geografion, historion, artojn kaj vivon de l' lando. Eble la teksto enhavas tro da citoj kaj propraj nomoj, kiuj estigas liston unutonan; kaj bildoj estas por tia libro pli ol ornamo, sed plej ŝatata komprenilo. Okaze de la 13-a kataluna kongreso en Santa Coloma de Farnès aperis ilustrita kongreslibro. Ankaŭ bele ilustrataj estas la gvidlibretoj de Ĝenevo, sidejo de la Ligo de Nacioj, de Zürich, la plej granda urbo de Svislando, de Brajtono (Brighton), la angla marbordurbo, kaj: Tra la distrikto Schönhengst, en germanlingva Ĉeĥoslovakio. Simplaj gvidfolioj estas tiuj de Wiesbaden kaj Locarno, dum tiuj de Genève, Dobŝina (glacia groto en Ĉeĥoslovakio), Thiers, Stettin, Bratislava estas eldonitaj samformate sub aŭspicioj de turisma servo de UEA.

14 Septembro 1926. *G. S.*

## Novaj libroj.

**Klíč pomocného jazyka mezinárodního Esperanto.** 1926. Ĉeĥoslovaka Esperanta Instituto, Praha II, Křemencová 17 III. 24 paĝoj, 7½ × 11 cm. Prezo: 60 hel. 100 ekzempleroj: 50 Kč.

**Esperanto. Gramatiko kaj Krestomatio.** *Inte Čače.* 1926. Eldono de l' aŭtoro: Riga, Latvija. 80 paĝoj, 14½×22½ cm. Prezo: 2,70 L. s.

**Esperanto per 10 pamoku.** Sulietuvino *Pr. Šulaitis.* 1925. „Sviesos" spaustuvė. Kaunas. 24 paĝoj, 14½ × 22 cm. Prezo ne montrita.

**Orienta Blovo.** Malgranda Krestomatio de Sennacieca Revuo. Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. 1926. 28 paĝoj, 15 × 22 cm. Prezo ne montrita.

**Sekpsikologio de** *Siegfried Ziegler.* Biblioteko de Sennaciulo, serio scienca N-ro 4, .1926 Sennacieca Asocio Tutmonda, Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. 54 paĝoj, 11½ × 15 cm. Prezo: 0,60 M. germ.

**Ruĝo kaj Blanko** de *L. Ivn.* Biblioteko de Sennaciulo, serio Literaturo N-ro 3, 1926. Sennacieca Asocio Tutmonda, Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. 68 paĝoj, 11½ × 15 cm.

**Datoj kaj Faktoj** pri la paca movado de *Anna T. Nilsson.* Eldono de la verkistino, Malmö, Svedio. 48 paĝoj, 12 × 18½ cm. Prezo: 1 sv. kr.

**Ĉies Internacia Esperanta Stenografio.** *Dyba,* gimnazia profesoro. Eldonajo de la aŭtoro: Berlin-Niederschönhausen, Moltkestr. 4. I parto: Koresponda Skribo. II parto: Raportista Skribo. Po 2 kajeroj litografiitaj, 14 paĝoj, 10×16 cm. Prezo ne montrita.

**Helpanta Temaro** por lernigi rapide Esperanton de *Julio Mangada Rosenörn.* Glorieto de Bilbao, num. 5, Madrid. 32 paĝoj, 13½ × 19 cm. Prezo: 0,75 sv. fr. aŭ 2 respondkuponoj.

**Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj.** *Prosper Mérimée.* El la Franca tradukis *J. Borel.* Biblioteko Tutmonda N-ro 1. 1926 Eldonejo: Rudolf Mosse, Berlin, Esperanto-Fako. 62 paĝoj, 10½ × 17 cm. Prezo por serio de 10 numeroj: 4 germ. mk.

**Benjameno F. Smith.** Historieto pri elfarado. *Everest W. Lord.* 1926. Boston, U. S. A. 18 paĝoj, 13 × 18 cm. Donacata.

**Ĉu Katino?** Venĝado de *H. W. G. Cenijn* pro la malfacileco memorigi la tradukojn kaj la signifojn de la Esperantaj korelativoj. 2-a plibonigita eldono. Eldonejo: „Holanda Esperanto-Oficejo", Eemnes, Holando. 1926. Kartonita libro, 62 paĝoj, 13 × 20 cm kun 6 tabuloj, la tuto en kartona ujo. Pezo afr.: 2,65 hol. fl. (Sm. 2,20.)

**En katenoj de la maljusteco.** Virina Krestomatio de Sennacieca Revuo. 1926. Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. 40 paĝoj, 14½ × 22½ cm. Prezo: 0,60 germ. mk.

**Nova Pandoro.** Unuakta teatraĵo de *F. H. Hanbury.* Parte originala, parte el la angla teatraĵeto verkita de Jessie Band. The British Esperanto-Association, 17 Hart Street, London W. C. 1. 16 paĝoj, 12½ × 18½ cm. Prezo afr.: 4 p. (12 ekz. por 3 sh.)

**Esperanto.** Internationale Hulptaal. Leerboekje naar de Fransche brochuur „Premier Manuel" door *Fr. Schoofs.* 1926. Belga Esperanto-Instituto, Antwerpen. 32 paĝoj, 11½ × 16 cm. Prezo: 50 ct.

**Wörterbuch Esperanto-Deutsch** von *D-ro Emil Pfeffer.* Tagblatt-Bibliothek N-ro 335. Steyrermühl-Verlag, Wien I. 1926. 48 paĝoj, 12 × 19 cm. Prezo: 0,40 aŭstr. ŝil.

**Frazeologický slovník česko-esperantský** *L. Riedl k. V. Čánský.* „Marto" Esperanto-Eldonejo, Haida. 1925. 44 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo: 5 kr. ĉ.

**Esperanto Leerboek voor Cursus, School en Zelfstudie, door** *A. E. van Bussum.* Eldonejo: L. C. C. Malmberg, s'-Hertogenbosch — Antwerpen. 162 paĝoj, 13½ × 20 cm. Prezo: 1,25 hol. fl.

**Fonetika studo de Esperanto.** *Jošicugu Okamoto.* Unua eldono, 1925. Japana Esperanto-Instituto. Tokio, Uŝigomeku, Ŝinogaŭamaĉi. 64 paĝoj, 15 × 22 cm. Prezo ne montrita.

**¿Qué es el Esperanto?** Hispana Esperanto-Asocio, Sagasta 10, Madrid. 96 paĝoj, 13½ × 19½ cm. Prezo ne montrita.

**Hispanujo.** Dispublikigo kaj propagando. *F. J. Sanchez-Canton.* Tradukis Hispana Esperanto-Asocio. 1926. Eldonaĵo de la Reĝa Delegito por Turismo kaj Artkulturo, Madrid. 96 paĝoj, 12½ × 18½ cm. Senpage disdonata.

**Zur Lösung der Frage einer internationalen Handels- und Verkehrs-Sprache.** *Jules Perlet.* 22 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo ne montrita.

**Kongreslibro.** Santa Coloma de Farnès. V. 1926. XIII-a Kongreso, Kataluna Esperantista Federacio. 64 paĝoj, 15½ × 21 cm.

**Ekspozicio** okazigita de Kobe Kooperativa Gildo Virina, 27—29 Novembro 1925. Kobe, Japanujo. Albumo, 24 × 16 cm kun 12 fotoj. Prezo ne montrita.

**5 novaj ilustritaj gvidlibretoj:**

**Tra la Distrikto Schönhengst** (Ĉeĥoslovakio). Prezo: 1 kr. ĉ.
**Brajtono** (Brighton), Anglujo.
**Zürich,** Svislando. Prezo: 40 ctoj.
**Ĝenevo,** sidejo de la Ligo de Nacioj.
**La Panne,** Belgujo.

**7 novaj gvidfolioj:**

**Wiesbaden,** Internacia banurbo, Germ.
**Locarno,** Svislando.
**Bratislava,** Ĉeĥoslovakio.
**Stettin,** Germanio.
**Dobŝina,** glacia groto, Ĉeĥoslovakio.
**Genève,** Svislando.
**Thiers,** Franclando.

**Verda Mateno.** Tutmonda kursa legolibro. *Hirokazu Kaji.* Esperanto-Kenkjû-ŝa, 2 Chôme, Motozono-chô, Kôjimachi, Tokio, Japanujo. 38 paĝoj, 12 × 16 cm. Prezo afr.: 0,70 sv. fr.

**Common Commercial Terms in English & Esperanto.** The Esperanto Institute Limited. Welwyn Garden City, Herts. 12 paĝoj, 12½ × 18½ cm. Prezo: 6 pence.

**Ferdinando VI-a kaj Farinelli.** Historia novelo proze kaj verse originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn,* Hispana Esperanto-Biblioteko. Glorieta de Bilbao 5, Madrid, Hispanujo. 32 paĝoj, 13½ × 19½ cm. Prezo: 0,70 sv. fr. (2 respondkuponoj).

**Grava popolhigiena kaj socia demando.** Originale en Esperanto verkis *H. Salokannel.* 1926. Ricevebla de „Esperanto-Instituto de Finnlando", Kluuvikatu 7, Helsinki. 54 paĝoj, 12½ × 19 cm. Prezo: 10 finn. mk. (0,35 dol.)

**La Floretoj de S. Francisko, esperantigitaj de** *F. Pizzi.* Esperanta eldonejo A. Paolet, S. Vito al Tagliamento, Italio. 174 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo: 6 l. (+ 25% por sendkostoj).

**La malgranda Johano.** *Frederik von Eeden.* Laŭ la dekoka holanda eldono tradukis *H. J. Bulthuis,* L. K. 1926. Biblioteko Tutmonda N-ro 2—4. Rudolf Mosse, Berlin, Esperanto-Fako. 184 paĝoj, 10½ × 17 cm. Prezo por serio po 10 numeroj: 4 germ. mk.

**Basel.** Internacia ekspozicio pri rivera navigado kaj uzo de hidraŭla forto. 1 Julio — 15 Septembro 1926. Prospekto kvarpaĝa, 12 × 22½ cm.

**Swiss Alpine Postal Services.** Prospekto: koverto kun 6 bildoj, 12 × 15 cm.

**XVIII-a Universala Kongreso de Esperanto** kaj II-a Internacia Somera Universitato, Edinburgo. 31 Julio—7 Aŭgusto 1926. *Kongresa libro.* 88 + 16 paĝoj, 12 × 21 cm.

**Universala Esperanta Lernolibro.** *D-ro A. Möbusz.* 1926. Parto I-a: por kursanoj, parto II-a por kursgvidantoj; Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin und Dresden.
I-a: 116 paĝoj, 14 × 22 cm. Prezo: 2,— germ. mk.
II-a: 32 paĝoj, 14 × 22 cm. Prezo: 1,50 germ. mk.

**Gerlands Beiträge zur Geophysik.** Aldono; *Resumoj en Esperanto* de *O. Simon* (Wien). 4 paĝoj, 14½ × 22 cm.

**Novaj homoj, novaj vojoj.** Prezentita al la XVIII-a Tutmonda kongreso de Esperanto en Edinburgo en Aŭgusto 1926 de Centra Cionista Organizo, London, 75 Great Russel Street, W. C. 1. 15½ × 24½ cm.

* * *

## Dokumentoj.

**Lehrbefähigungsprüfungen für Englisch, Französisch, Italienisch, Esperanto.** Vorschläge, Ratschläge, Studienbehelfe von *Dr. Franz Wollmann,* Direktor der staatlichen Prüfungskommission für allgemeine Volks- und Bürgerschulen und für Esperanto in Wien. Oesterreichischer Bundesverlag für Unterricht, Wissenschaft und Kunst. Wien 1926. 32 p.

En Wien aperis antaŭ kelkaj tagoj la grava verketo „Ekzamenoj por instru-kapableco pri la lingvoj angla, franca, itala kaj pri *Esperanto,* normoj, konsiloj kaj lernolibroj" de la landlernej-inspektoro kortega konsilisto *D-ro Franz Wollmann,* direktoro de la ŝtata ekzamen-komisiono por popol- kaj burĝlernejoj kaj por Esperanto en Wien. Tiu verketo, destinita por la *instruistaro,* ampleksas 29 paĝojn (17 paĝoj por la 3 naciaj lingvoj, 12 paĝoj por *Esperanto*) kaj estas nemezureble valora por la Esperanto-movado en Aŭstrio, ĉar la belega enkonduk-artikolo certe konvinkos la Aŭstrian instruistaron pri la signifo de Esperanto.

*R. M. F.*

---

## Ĉinaj proverboj.

Instruanto kaj lernanto sin progresigas reciproke.

Pri feliĉo de aliuj ne enviu, pri malfeliĉo de aliuj ne ĝoju.

Triumfo de unu militestro staras sur centmil putraj ostoj.

Sin kompatas reciproke kiuj havas la saman malsanon.

Se oni bridas momentan koleron oni liberiĝas de centtaga malĝojo.

Bona kuracilo maldolĉas por la buŝo, sincera konsilo malplaĉas por la orelo.

Oro abundas en la mondo, malnovaj amikoj blankharaj estas tre maloftaj.

Ne multe efikas vortoj de malalta rango.

Pri vivo kaj morto decidas la sorto.

Menso ne povas labori por du aferoj samtempe.

Reganta tirano estas pli kruela ol tigro.

Mortiginto devas perdi sian vivon.

Bona fero ne estas por najloj, bona viro ne servas kiel soldato.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉehosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 184.**
D-ro *E. Palkoska*
(The Observer. 1923)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 185.**
*J. Balík,* Písek
(Národní Politika 1924)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 186.**
*J. L. Mees,* Antwerpen
(De Schelde 1923)



Blanko matas per la 2-a movo

**Ludpozicio N-ro 17.**
(ludita en Hamburg 1837.)
Blanko: *Horwitz,* nigro: *Popert*



Nigro movas Ka7—b8 kaj malgajnas.

N-ro 184 kaŝas la ŝanĝitan maton. Post formovo de Kg3 oni volus mati per g2—g3, sed tiel ne okazos. — N-ro 185 enhavas belegajn matbildojn. — N-ro 186 aplikas la blokadon. — En la ludpozicio oferas nigro inside Pd5, por post Tf5 × d5 per sekvanta c7—c6 gajni la Kh2. Bona ideo, sed ne finkalkulita, ĉar fakte okazis: 1. Kb8, 2. T × d5, c6, 3. Th5!!, D × h5, 4. D × c6 +, b × c6, 5. K × a6 mato.

---

### *Solvoj de la problemoj:*

N-ro 180: 1. Tf6—c6, c5—c4, 2. Tc6×c4, b5×c4, 3. Tg3—c3, b4×c3, 4. Kg5—e7 m. 1. Tf6—c6, c5×d4, 2. Tc6—c1, d4—d3, 3. Tg3×d3, b2×c1, 4. Kg5×c1 m.

N-ro 181: 1. Tg2—c2, c7—c6, 2. Tc2×c6, b7×c6, 3. De6—c8 m. 1. Tg2—c2, c7—c5, 2. Tc2—c4, b5×c4, 3. De6×c4 m. 1. Tg2—c2, b3×c2, 2. Ta1×a5 +, Ra6×a5, 3. De6—a2 m.

N-ro 182: 1. Da6—f1, c6—c5, 2. Th4×h5, g6×h5, 3. Df1—a6 m. 1. Da6—f1, c6—c5, 2. Th4×h5, Rh6×h5, 3. Df1—h3 m. 1. Da6—f1, c6—c5, 2. Th4—h5, Kf3×h5, 3. Df1—f8 m. 1. Da6—f1, g5×h4, 2. Df1—c1 +, g6—g5, 3. Dc1×c6 m.

N-ro 183: 1. Ta7—e7 (minaco T×e4 +), Ka1—c2, 2. Ĉb5—a3 +, Ĉc2×a3 m. 1. Ta7—e7, Ĉh2—f3, 2. Ĉf1—d2 +, Ĉf3×d2 m. 1. Ta7—e7, laŭvole, 2. Te7×e4 +, Kh1×e4 m.

---

### *Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 175 ĝis 179 H. Steding, Bremen; 173, 174, R. Koerselman, Voorst; 176, 177, 178 H. T. Bailey, London; 176, 177 S. Frantz, Paris; 176 ĝis 179 Fr. Tesák, Praha.

---

### *Korespondo kaj sciigoj:*

Problemo 177 estas difekta pro la duasolvoj 1. Ĉe6 + kaj 1. f7, laŭ trovo de S-ro Bailey. — S-ro V. Jaroš, Mistek. En la solvoj vi forgesigas nigron sin defendi. — S-ro Bailey. En la sm Re3, Rd5 post 1. Da6 dualo Dc4 aŭ Ĉa4. — La Internacia Ŝaka Federacio aranĝis sian III-an kongreson dum julio en Budapest. Ni salutis la kongreson, klarigis al ĝi la progreson de nia ŝaka fako sub ŝirmo de UEA kaj proponis, ke la Federacio ne nur akceptu Esperanton, sed ankaŭ instigu la membrojn ĝin studi. Tiun ĉi okazon ni dankas al la penoj de S-ro Balkányi, Del. en Budapest. —

 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

# Alvoko al la tutmonda esperantistaro,

al ĉiuj asocioj, grupoj, izolaj esperantistoj, havigi al nia movado por la „jubilea jaro 1927“ nombradon de nia popolo en kompleta statistiko.

*

Samlingvanoj, bonvolu legi mian artikolon ne nur unufoje, sed kelkfoje atente kaj kun la nepra volo helpi laboron, kiu kontentige povas esti efektivigata nur, se ĉiuj helpos, se neniu forgesos sian devon.

Ankoraŭ hodiaŭ post 4 jardekoj de nia movado neniu povas diri, kiom da esperantistoj ekzistas en la mondo. Nombrante nian popolon oni ĝis nun kutime nur „taksis“, oni ne fiksis la nombron de niaj popolanoj esperantistaj sur la bazo de fidinda statistiko. Sed nur faktoj pruvas, konvinkas — ne vortoj aŭ nura takso. Pro tio fidinda statistiko estas nepre necesa por ĉiuj, tute egale, kion ili speciale celas per Esperanto. Ni ja ĉiuj senescepte celas la propagandon de la mondlingva ideo. Ni lasu principe al ĉiuj asocioj kaj organizaĵoj plenan liberecon. **Ni marŝu disigite, tamen ni batalu kunigite dum la taŭga momento.** Nun estas tia momento. La jaro 1927 estos jubilea jaro, ĉar 1887 aperis la unua broŝuro de „D-ro Esperanto“. Montru, por festi la jubilean jaron antaŭ la tutmonda publiko kaj por honori la memoron de nia majstro, ke ĉi tiu malgranda broŝuro de 1887 estigis grandan, respektindan movadon.

Post kiam mi ofte estas parolinta pri la graveco kaj urĝeco de tutmonda statistiko, nun, per interkonsento de la plej gravaj Esperanto-institucioj mi estas komisiita, preni sur min la taskon, liveri ĝin. Mi estas certa, ke, se la nuna eksperimento sukcesos, nia propagando estos treege plifaciligata kaj efika, kaj ke ni poste regule povos labori sur la statistika kampo kun unuigitaj fortoj, tiamaniere havigante al ni la intereson de l' registaroj kaj seriozaj institucioj, kiuj ĉiam unue postulas fidindajn „nombrojn“ pri la koncerna enlanda aŭ la internacia movado.

Ni iru la plej simplan kaj plej malmultekostan vojon! Estos nur necese, ke ĉiuj Esperanto-grupoj kaj rondoj (tute egale, ĉu ili estas organizitaj en iu ajn asocio aŭ ne!) oferu kelkajn minutojn da laboro, krom tio du paperfoliojn kaj unu poŝtmarkon; la samon faru la diversspecaj asocioj kaj ankaŭ la esperantistoj vivantaj izole. Pripensu mian planon kaj, konsentante ĝin, agu tuj laŭ la plano proponita. Ĝi baziĝas sur la konvinko, ke nia Esperanto-gazetaro, kiu ĉiam estis oferema kaj helpema, helpos la efektivigon de la plano, represigante ĉi tiun mian alvokon. Ni ne bezonos la multekostan forsendon de presitaj demandaroj el iu ajn centro, ni ne bezonos financan subtenon.

Mi proponas al vi, respondi al tri demandaroj, unu por la ĉiuspecaj grupoj, unu por la asocioj interkaj sennaciaj, naciaj, fakaj, unu por la izole vivantaj esperantistoj:

I.

## *Demandaro por grupoj (societoj, kluboj, rondoj k. s.)*

1. *lando kaj landparto?*
2. *loko? (urbo aŭ vilaĝo?)*
3. *nomo de la grupo aŭ rondo?*
4. *al kiu organizaĵo la grupo apartenas? (nomu la organizaĵon!)*
5. *kiom da membroj via grupo havas je la fino de l' jaro 1926?*
6. *kiom da kursoj la grupo organizis*
   a) *dum la jaro 1926 (enkalkulite la ĝis nun nefinitajn)*
   b) *depost la starigo de la grupo entute?*
7. *ĉu en via loko ekzistas aliaj Esperanto-grupoj? kaj kiuj?* (demando nepre respondenda pro la kontrolo, ĉu la statistikestro ricevis ĉiujn sciigojn el via loko)
8. *kiom da esperantistoj en via loko ekzistas ekstergrupaj entute!* (kalkulu singardeme! nepre ne taksu tro alte! Preferu noti ciferon pli malaltan, sed tute fidindan!)
9. *ĉu via grupo*
   a) *havas bibliotekon?*
   b) *kun kiom da libroj?*
10. *tre preciza adreso de via grupo?*

*Subskribo de l' raportinto.*

Raportante atentu jenajn punktojn:

a) Skribu tre legeble (ankaŭ la nomon de l' raportinto), se eble skribmaŝine. Skribu la nomojn de via urbo ktp. per latinaj literoj en via nacia lingvo (ne esperantigu la nomojn!).

b) Ne ripetu la demandojn, sed nur notu la ciferojn 1—10 kaj simple donu laŭ tiuj ciferoj la koncernajn respondojn aŭ sub 5, 6, 8, 9b nur ciferojn. Rezignu al ĉiuj aliaj notoj kaj specialaj komunikaĵoj.

c) Uzu ĉiuj — por ke la materialo povu esti bone ordigata — la saman formaton de l' papero

(la kutiman formaton de negocaj leteroj): laŭlonge 28,5 cm (aŭ 11 in.), laŭlarĝe 22,5 cm (aŭ 9 in.).

d) Donu la respondojn en du ekzempleroj sur du paperoj, por ke la koncerna materialo post la fino de l' statistika laboro povu esti sendata al la koncerna asocio, al kiu apartenas la grupo.

e) Sendu vian raporton en fermita letero, sufiĉe afrankite, al la adreso:

D-ro Dietterle
Fakestro por Statistiko de I. C. K.
Leipzig W 31
Seumestrasse 10

Do, taŭge kaj ĝuste farita raporto aspektos jenmaniere:

1. *Deutschland (Germanujo) — Sachsen (Saksujo)*
2. *Neustadt (urbo)*
3. *Verda Stelo*
4. *Germana Esperanto-Asocio*
5. *54*
6. a) *3*
   b) *27*
7. *jes: Laborista Grupo kaj grupo de Esperantistaj Instruistoj*
8. *48*
9. a) *jes*
   b) *118*
10. *Esperanto-Grupo „Verda Stelo“ en Neustadt, p. a. Prez. S-ro A. Müller, Langestrasse 17, III.*

*Kiel sekretario de la grupo:*
*H. Schulze, Arnsdorf apud Neustadt*
*Hauptstrasse 9.*

Oni ja povus proponi, ke la diversaj asocioj kolektu la respondojn de siaj grupoj kaj sendu ilin samtempe. Sed tiam ne estus eble por mi, prilabori la materialon, ĉar mi ricevus tro multajn raportojn dum unu tago kaj verŝajne nur en la lasta minuto. Mi ne havas helpantojn ekster la Instituto, cetere mi havas mian regulan ĉiutagan laboron, neprokrasteblan. Se mi ricevos ĉiutage kelkajn respondojn de unuopaj grupoj kaj se mi ricevos la materialon baldaŭ, tiam mi havos la okazon, tute trankvile laŭ bona plano ordigi ĉion helpe de listoj kaj kartotekoj.

*

II.

Krom la raportoj de la unuopaj grupoj ni bezonas specialajn respondojn de la diversaj asocioj interkaj sennaciaj, naciaj, fakaj laŭ jena skemo:

## *Demandaro por asocioj (federacioj k. s.)*

1. *nomo de la asocio?*
2. *celo de la asocio?*
3. *nombro de la grupoj, kiuj apartenas al la asocio?*
4. *Kiom da personoj ampleksas ĉiuj asociaj grupoj entute? (inkluzive la izole aliĝintaj)*
5. *ĉu via asocio eldonas oficialan gazeton? kiun?*
6. *ĉu via asocio eldonas oficialan lernolibron? kiun?*
7. *preciza adreso de via asocioj?*

Nur por naciaj asocioj:

8. *kiom da lernolibroj aperis en via nacia lingvo?*
9. *kiom da lernolibroj (laŭ kalkulo de l' eldonistoj) estas venditaj ĝis hodiaŭ?*
10. *kiuj Esperanto-gazetoj aperas en via lando?*

La ciferoj de la asocioj estos aliaj ol la sumigitaj ciferoj de la asociaj grupoj, ĉar la asocio nur povas respondi laŭ la stato de *1925;* la grupoj raportos laŭ la stato de *1926.* Tamen tiu vojo estas rekomendinda, ĉar oni povas kontroli la kreskon aŭ malkreskon de la asocio. Cetere la respondojn pri 4, 5, 6, 8, 9, 10 plej bone donos la asocioj.

*

III.

## *Demandaro por izole vivantaj esperantistoj kaj lokoj, en kiuj ne ekzistas grupoj:*

1. *lando?*
2. *loko?*
3. *nombro de la esperantistoj?* (ankaŭ se ekzistas nur unu, li nepre respondu!)
4. *ĉu en via lando en aliaj lokoj ekzistas esperantistoj? kaj kie?*

*Subskribo kun adreso.*

Kial ni kalkulu la izole vivantajn esperantistojn? Ne nur, ĉar ili estas tre gravaj personoj por la disvastigo de nia movado, sed ankaŭ, ĉar estas tre grava afero, konstati, en kiom da lokoj en la mondo ekzistas anoj de nia movado.

* * *

Samlingvanoj! Bonvolu ne kritiki la proponitajn demandojn. Oni povas proponi demandojn laŭ cent diversaj aliaj manieroj. Mi longtempe pripensis la aferon kaj serĉis la plej simplan vojon. Poste, se ni estos sukcesintaj per la „unua eksperimento“, ni espereble povos daŭrigi niajn enketojn, ankaŭ por specialaj aferoj (lernejoj, komerco, scienco ktp.). Sed unue ni faru la unuan paŝon.

La demandoj de la proponitaj demandaroj estas malmultaj, sed laŭ mia sperto nur ili estas iomete fidinde respondeblaj de ĉiuj. Per la unua eksperimento mi celas: simpligi la tutan aferon, por atingi minimume ion; pro la simpleco de la laboro allogi al respondo kiel eble plej multajn — aŭ pli bone ĉiujn; malmultekostigi la tutan entreprenon, ĉar elspezoj por niaj gazetoj ne estos. Cetere — mi ripetu tion! — ĉiu respondanto devos elspezi nur la kostojn por du paperfolioj kaj unu poŝtmarko.

Malgraŭ tio ni atingos iomete kontentigan rezultaton; ĉar laŭ la materialo — espereble! — ricevota oni povos konstati:

en kiom da landoj ekzistas esperantistoj kaj en kiuj?
en kiom da lokoj ekzistas esperantistoj kaj en kiuj?
kiom da grupoj ekzistas entute? kaj kie en la mondo?
kiom da grupoj ekzistas en la diversaj landoj?
kiom da esperantistoj ekzistas entute?
kiom en la diversaj landoj?
kiom da esperantistaj organizaĵoj ekzistas?
kiom da esperantistoj apartenas al organizaĵoj?
kiom da Esperanto-kursoj okazis dum la jaro 1926?
kaj kiom dum la pasinta tempo entute?
kiom da grupoj havas bibliotekojn?
kiom da libroj estas en tiuj bibliotekoj?
kiom da gazetoj ekzistas? kaj kiuj?
kiom da diversnaciaj lernolibroj ekzistas?
kiom estas venditaj? k. a. k. a.

Ĉiuj grupoj, asocioj, izolaj esperantistoj **tuj**, post kiam ili sciiĝis per ĉi tiu artikolo pri la tutmonda statistiko, klopodu forsendi la respondojn kiel eble plej baldaŭ. Ju pli baldaŭ la ordiga laboro povas esti komencata, des pli granda estas la garantio, ke la resuma statistika raporto povas aperi ĝustatempe. El malproksimaj, transoceanaj landoj la respondoj ja venos nur post kelkaj monatoj. La esperantistoj en Eŭropo ne rigardu tiun fakton kiel pretekston por prokrasti sian respondon. Alie ni ne atingos nian celon por 1927.

Rememoru ankaŭ tion, ke ekzistas samlingvanoj kaj tutaj grupoj, kiuj bedaŭrinde ne legas Esperanto-gazetojn. Konante tiajn, atentigu ilin pri la statistiko kaj ilia devo. Kie grupestro ne estas sufiĉe laborema, la grupanoj mem kontrolu, ĉu li forsendis sian raporton kaj insiste postulu tion.

*

**Ĉi tiun mian artikolon ne sekvos aliaj; ĝi estas la unua kaj lasta alvoko.** Mi persone ne povas garantii kontentigan rezultaton, tion povas fari nur vi ĉiuj, helpante senescepte. Mi promesas al la esperantistaro precizan kaj akuratan laboron, sed promesante tion, mi samtempe rezervas al mi la rajton, rezigni al la statistika laboro, se la esperantistaro ne sufiĉe subtenos la laboron. Do, subtenu ĝin! Malpravigu la „pesimistojn“, kiuj asertas, ke la tutmonda esperantistaro ne kapablos doni kompletan statistikon! Helpu tuj, senprokraste! Helpu laŭ preciza maniero, fidinde! Helpu, por doni al nia movado impresigan propagandilon, kaj por honori la memoron de D-ro Zamenhof! Per nenio alia li estos honorata tiel, kiel per la pruvo antaŭ la mondo, ke lia afero dum kvardek jaroj marŝis senhalte.

Prof. D-ro *Dietterle*
Fakestro por statistiko
de Internacia Centra Komitato
Direktoro de la Esperanto-Instituto
por la Germana Respubliko

# KRONIKO

## Aŭstrio.

**Graz.** — Aprobo pri „Esperanto-Sprachschule“ — Esperanto-lingvolernejo — per Lerneja Konsilantaro Stiria. La kursojn gvidos delegito de UEA, D-ro Halbedl.

**Innsbruck.** — Esperanto-ekspozicio 23. IX. aranĝita de fervoja inspektoro Hugo Steiner, protektita de vicurbestro Fischer. Malfermon ĉeestis aŭtoritatoj urbaj, lernejaj direktoroj, komerca ĉambro. L. B.

**Salzburg.** — La 18—19 Septembro okazis ekspozicio kaj parolado de fervoj-inspektoro Hugo Steiner, prezidanto de A. E. D. en Wien. Landestro Preussler, lernejinspektoro kortegkonsilanto D-ro Stummer kaj aliaj eminentuloj kun granda intereso informis sin pri nia movado kaj promesis de nun favori kaj subteni ĝin, Polica direktoro Steinheisl deziras specialan kurson por policanoj.

**Wien.** — Kurso en Unter-Tullnerbach apud Vieno vizitata de 12 instruistoj gvidata de Direktoro Schamanek.

∴ La regularo pri ekzamenoj por instrui fremdajn lingvojn enhavas esperantan parton, t. e. detala regularo por tiaj oficialaj ekzamenoj.

∴ En „Neues Wiener Journal“ de 5-a de Septembro kaj en aliaj ĵurnaloj ni legas sub tiu titolo jenon:

„Por doni al la lernantoj de Wien la eblon, ke ili povu lerni iun fremdan lingvon jam dum sia normala lerntempo, tial la komunum-konsilant-komitato por ĝeneralaj aferoj de l'administrado de la urbo Wien decidis, instali en 10 burĝlernejoj de Wien kursojn pri la angla lingvo. Same Esperanto-kursoj estos prove gvidataj en kelkaj burĝlernejoj de Wien. Tiu decido de la komunum-konsilant-komitato estos efektivigata dum la venonta lernej-jaro.“

Tio estas la rezultato de la propono, farita la 26-an de Junio de tiu ĉi jaro de „Esperanto-organizo de la oficĥavantoj de urbo Wien“ (instruista sekcio sub la prezido de la burĝlernej-direktoro Rajmund Spinka) en la konferencoj de la burĝlernej-geinstruistoj.
R. M. Frey.

## Brazilo.

La brazila registaro komisiis al D-ro Carlos Domingues prezidanto de Brazila Klubo Esperanta kaj ĉefdelegito de UEA, la taskon ĝin reprezenti ĉe la XVIII-a Universala Kongreso de Esperanto. Li ankaŭ reprezentis la jenajn societojn: Brazila Ligo Esperantista, Klubo de Inĝenieroj, Geografia Societo de Rio de Janeiro, Komerca Asocio de Rio de Janeiro, Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj, Asocio de Komercoficistoj en Rio de Janeiro kaj Instituto de Kontoscienco.

**Rio de Janeiro.** — La 17 Julio okazis ĝenerala kunsido de Brazila Ligo Esperantista. Oni decidis elekti la formon „Brazilo“ por la lando laŭ konsilo de la prezidanto de la Esperantista Akademio, kaj ne aliĝi al la „Sudamerika Federacio“.

∴ La malnova grupo „Virina Klubo“ de Rio de Janeiro eniris en novan laboran fazon. Ĝia nuna estraro konsistas el la jenaj fraŭlinoj: prezidantino Maria Luiza Bocayuva, vicprezidantino Romancina Calmon, unua sekretariino Esther Bloomfield, dua sekretariino Alice Fernandes Barros, kasistino Elisabeth Bloomfield. Nova sidejo: Praça 15 de Novembro 101, 2º.

## Britlando.

**London.** — Dum Julio-Aŭgusto la Londona Klubo akceptis multajn samideanojn survoje al la kongreso en Edinburgo. La klubo organizis festan vesperon por la trapasantoj, kiu tre bone sukcesis. Post bonveniga alparolo de la prezidanto, S-ro Bernard Long, parolis la altestimata profesoro Cart el Parizo, S-ro Jaume

Grau-Casas el Barcelona, kaj S-ro Orengo el Genova. Kantis F-inoj Cosmetto kaj Rampling el Londono kaj S-ro Boeren el Antverpeno; kaj inter aliaj muzikaĵoj estis prezentita „La Espero“ solkante kaj ankaŭ orkestre, per nova gramofona disko ĵus eldonita de la Esperanto-Instituto.

La klubo enkondukis la aŭtunan sezonon per festo je la 17 Septembro, kaj je la 1-a de Oktobro komenciĝis novaj kursoj elementaj kaj altgradaj. En Londono denove okazos kursoj en diversaj vesperaj lernejoj de la loka eduka aŭtoritato.

La Brita Esperantista Asocio eniras novan periodon de progreso, kaj en la fino de Septembro ekokupis pli spacan kaj oportunan sidejon ĉe 142 High Holborn, grava komerca strato proksima al la nuna oficejo de la Asocio.

∴ Elementa kaj progresa kursoj gvidataj de S-ro Montagu C. Butler (mardo kaj merkrede: Marylebone, Brixton).

## Ĉeĥoslovakio.

### II-a Okcidentbohema Esperanto-tago.

La 4-5 Septembro 1926 okazis en Graslitz la II-a Okcidentbohema Esperanto-tago bone vizitata. Notinda estas la salutparolo de urbestro de Graslitz, Karl Fuchs, kaj la festparolado de poŝtdirektoro Ulbert-Karlsbad, la kantado de Graslitz-aj instruistoj kaj precipe la teatraĵo „Germana lingvo sen profesoro“, ludita de la grupo Falkenstein i. Sa. La komunan laborkunsidon ĉeestis 65 personoj el 20 lokoj de Okcidentbohemio kaj Saksio. Estis farataj kvin referatoj: „La interna ideo de Esperanto“, S-ro kaplano Czech-Neudeck, „Unueco“, S-ro E. Povlivka-St. Joachimstal, „Propagando“, S-ro inĝ. Ritter-Eger, „Korespondado“, S-ro Scheider-Plauen, kaj „Historio de la Graslitza grupo“, S-ro Reiter-Graslitz. Post ĉiuj referatoj estis debatoj. La III-a Okcidentbohema Esperanto-tago okazos meze de Septembro 1927 en Neudeck.

**Nitra.** — En tiu ĉi historia loko slovaka samideano Leo Feigenblatt propagandas. Oni aranĝas kurson, jam 20 personoj aliĝis, sed mankas lernolibroj. La grupoj estas petataj sendi propagandan materialon. Adreso: Leo Feigenblatt, dentteknikisto, Nitra, Riečna ul. 3.

**Nové Zamky.** — Urba estraro voĉdonis subvencion al la grupo „Esperantista Rondo Amika“, konsentis senpagan instruejon, nomigis straton laŭ „D-ro Zamenhof“. La grupo estas tre vigla, kalkulas 50 anojn, havas belan bibliotekon. — Dum landa kongreso de blinduloj, okazinta 27 Aŭgusto, estis decidita fondi Esperanto-sekcion, dank' al klopodoj de lokaj esperantistoj.

**Praha.** — F-ino Schmied, Klubo „Verda Stelo“, gvidas kurson en firmo „Poldihütte“, 13 partoprenantoj. Kurso ĉe Katolika Virina Klubo kun 10 partoprenantoj.

## Ĉinio.

**Kanton.** — Someran kurson en Universitato gvidas S-roj D-ro Kenn kaj Sinpak. Du kursoj de Urba Esperanto-Instituto, gvidata de D-ro Kenn. Gazetoj regule informas pri Esperanto.

## Franclando.

**Paris.** — Katolika Rondo fondota. Interesuloj skribu al abato Ramboux, 5 rue Bayard, Paris VIII, aŭ al S-ro Muffang, 14 bis Avenue Galois, Bourg la Reine (Seine). P. M.

**Perpignan.** — S-roj Llech malfermis en la lernejo Jules Ferry kurson de esperanta stenografio „Duployé-Flageul“.

**St. Omer.** — La gazeto de St. Omer „L' Indépendant du Pas de Calais“ publikigas esperantan kronikon.

**Strasbourg.** — En la urba komerca lernejo Esperanto estas nun oficiale instruata dank' al la klopodoj de S-ro Férez.

### Universitata Esperanto-Konferenco

31 Oktobro ĝis 1 Novembro — Lyon

Prezidanto de la protektantaro: S-ro Herriot, ministro de publika instruado.

Programo:

1. Solena malfermo — 2. Nomvokado de la konferencanoj 3. Elekto de la konferenco-estraro — 4. Raporto pri la ekzistanta kaj ebla movado en diversaj universitatoj — 5. Statuto de la kreota federacio — 6. Elekto de la federacio-estraro — 7. Plano de agado por la jaro 1926—27 — 8. Federacia bulteno — 9. Solena fermo-kunsido. — Krom tio speciala kunveno por la delegitoj de la invititaj neesperantaj organizacioj. Komuna ekskurso aŭ bankedo.

Ĉiuj universitataj esperantaj grupoj kaj izoluloj ankoraŭ ne aliĝintaj estas petataj alsendi aliĝon. Kotizo: 5 fr. fr. Adreso de la konferenco-kasisto (por aliĝoj-kotizoj) S-ro Boyer, „Cercle Espérantiste Universitaire“, 20, Francois-Garcin, 20, Lyon III.

Eksterlandaj universitataj samideanoj estas kore invitataj.

Intergrupa Organiza Komitato

Despeyroux, Croisat, Boyer, Zylberstejn, Laroche.

## Germanio.

Ligoj: Distrikta kunveno Zwickau-Plauen je 17. 10. en Mylau. — Sudokcidentgermana Ligo-kunveno 16.—17. 10. en Wiesbaden. — Germana Katoliko, Landligo de IKUE, kunveno en Breslau 22. 8. Paroladoj okazis de eklezia konsilanto Becker, „Kristo reĝo“, kaj S-ro Hanuschke, „Ni katolikoj kaj Esperanto“. S-ro Gaehr-Stuttgart estas elektata reprezentanto por Internacia Komitato de IKUE. La venontjara kunveno okazos en Köln. — Saksa Ligo: Esperanto-semajno dum 2—10 Oktobro. Jarkunveno 30—31 Oktobro en Chemnitz.

Novaj grupoj: Harburg, „Esperanto-societo Rekte antaŭen“.

Kursoj: Berlin: Esperanto-lernejo komencos en Oktobro novajn kursojn; kurso por bankoficistoj, gvidata de S-ro Fischer. Meissen: kurso finiĝa kun 10 partoprenantoj, nova en popolaltlernejo. — Riesa: finita kun 10 partoprenantoj.

Grupa vivo:

Berlin. — Gruparo 2. 9. vizito de D-ro Olŝvanger el Jerusalem, raporto de S-ro Ellersiek pri la Dekoka; en Unuiĝo-parolis S-ro Wittbrodt pri „Moderna pedagogio“.

Breslau. — Paroladoj pri „Vojaĝo de Breslau al Praha“ kaj pri la Dekoka.

Chemnitz. — La prezidanto de la societo, D-ro v. Malachoswki, mortis. Funebra soleno okazis 28. 9.

Dresden. — Ekzamenoj de la komisiono de Esperanto-Instituto: 4 pri scienca-pedagogia kapableco, 3 pri lingva kapableco, 3 pri kursestra kapableco. — 3. 10. granda jubilea festo de societo de G. E. A. pro 20-jara ekzisto.

Flensburg. — 14. 7. vizito de juna litovano, kiu rakontis pri sia hejmlando. 16.—23. 8. vizito de prof. Niŝimura, 21. 8. publika parolado pri Oomoto antaŭ 150 aŭskultantoj, 12 personoj enskribiĝis por kurso.

Freiburg i. B. — Parolis la 27. 8. cand. phil. A. Linder pri siaj impresoj de Parizo kaj la tiea esperanta vivo. Li akcentis la afablan akcepton de niaj Parizaj samideanoj. Ni invitis la laboristan grupon „Progreso“ kiu multnombre partoprenis. — Nova estraro: prezidanto S-ro F. Döring, vicprezidanto S-ro H. Tobusch, sekretario S-ro J. Coumont. Oni decidis aliĝi al Suda Ligo. H. T.

Görlitz. — Amika kunveno de loka grupo kun najbaraj grupoj dum Julio.

Heilbronn. — 13 gelernantoj faris ekzamenon pri lernado en Stuttgart.

Königsberg. — S-ro Schattat parolis en stenografunuiĝo pri mondlingvo Esperanto.

Kreuznach. — Publika parolado de prof. Läufer-Mainz pri la komenco de Esperanto, ĝia evoluo ĝisnuna kaj la profitoj, kiujn oni jam nun povas atingi per ĝi.

Mainz. — 13. 7. deklamvespero. 29. 5. vizito de Ges-roj Goodall, S-ro Goodall deklamis monologon el „Cesar“, S-ino rakontis kelkajn fabelojn. 13. 6. vizito de holanda ĝardenisto.

Nürnberg. — 6. 10. parolado pri „Ujlenspiegel“, 13. 10. deklamo de poemoj de Baghy, 20. 10. parolado pri „ĉielbildo kaj mondpercepto“, 27. 10. „la ekonomia enketo“, 3. 11. „ofendo kaj bonhumoro“.

Plauen i. V. — 17. 6. parolado „rondiro tra zoologia ĝardeno“, 24. 6. muzikvespero, 4.—5. 9. partopreno je dua okcidentbohema Esperanto-tago en Graslitz.

Riesa. — 27. 6. kunveno de gesamideanoj el Lössnitz, Grossenhain, Oschatz, Riesa en Diesbar (Elbe).

Saarbrücken. — Stariĝis komisiono de Germana Esperanto-Instituto.

Radio: Königswusterhausen (ondo 1300): 2. 11. komenciĝos Esperanto-kurso por komencantoj, gvidata de Postrat Behrendt. Ĝi okazos ĉiuĵaŭde 4—4.30 ptm.

## Hungario.

Budapest. — Esperanta ekspozicio aranĝita ĉe la Landa Hungara Manindustria Ekspozicio de S-ino Alföldy kaj S-ro Kiss.

∴ La kongreso de la hungaraj socialaj fakorganizaĵoj akceptis decidon: „La kongreso rekonas Esperanton kiel internacian lingvon kaj ordonas al la fakorganiza konsilantaro, ke antaŭ internaciaj forumoj ĝi helpu la akcepton de Esperanto.“

∴ La Esperantista Sporta Laborista Grupo kun virinaj sportistoj partoprenis en sportludoj. Dek virinoj partoprenis kun verda stelo sur la brusto.

∴ Fama verkisto Frederiko Karinthy parolis en la grupo, oni laŭtlegis esperante el liaj verkoj.

∴ La urbo Budapest donis 15000000.— kronojn (1000 sv. fr.) al la Hungara Esperantista Societo Laborista por aranĝo de laboristaj kursoj.

∴ En junverkista rondo „Vajda János“ S-ro Julio Baghy prelegis pri Esperanto.

∴ Studenta societo „Szefhe“ akceptis oficiale Esperanton, eldonis bultenon „Pro Transsilvanio“ esperante.

## Italio.

Arezzo. — Fondiĝis „Komitato por la disvastigo de Esperanto“, prezidas Corrado Cerri, Via Vittorio Veneto.

Livorno. — De la 18—21 Septembro okazis la XI-a Itala Kongreso de Esperanto. Tre grava estis la programo de laborkunsidoj kaj tre interesaj la amuzaĵoj kaj la ekskursoj. Itala Katedro, Itala Federacio, Esperantistaj Fervojistoj, Unuiĝo de Katolikaj Esperantistoj, Blinduloj kaj aliaj fakaj societoj kunvenis.

Udine. — Loka grupo aranĝis publikajn paroladojn dum somero, dufoje po monato. Granda intereso kaj bonega propagando. Gazetaro fervore kaj longe raportis. J. D. S.

## Latvio.

Riga. — Laŭ invito de la loka radiofona stacio S-ro A. Krastin tralegis komence de Aŭgusto tri prelegojn pri Esperanto. Aŭtune estis aranĝata kurso kaj prelego por alilandaj aŭskultantoj en Esperanto.

Ventspils. — Fondiĝis nova societo. A. K.

## Nederlando.

Amsterdam. — En kongreso de „The International Federation of University Women“, okazinta dum Julio, prof. Pierre Bovet de la Instituto J.-J. Rousseau en Genève enkondukis la temon „Esperanto“. S-ro David Sarnoff, vicprezidanto de Amerika Radio-Societo, parolis pri la influo, kiun radio povos havi al la evoluo de la mondlingva movado, kaj F-ino Ch. Offerhaus el Haag demonstraciis la strukturon de Esperanto.

s'Gravenhage. — La Haga grupo „Fine ĝi venkos“ denove aranĝis festvesperon por anoj kaj interesatoj. S-ro Isbrücker laŭtlegis la unuan akton de „Gijsbrecht van Amstel“, tragedio de la fama nederlanda poeto Vondel (1587—1679). Post deklamoj de F-ino H. de Lange (Baghy) kaj de F-ino Vink, S-ino E. Osmond el Londono klarigis lumbildojn pri Londono.

## Pollando.

### Tutpollanda konferenco de Esperanto

okazos en la tagoj 30. 10. — 1. 11. k. j. en Kraków. Ĉiuj pollandaj grupoj kiuj ne ankoraŭ aliĝis, faru tion ankoraŭ tuj. Kun la konferenco mem estas aranĝata (la 30 Oktobro) Festa Vespero okaze de 20-jara jubileo de Krakova Societo „Esperanto“, krome ekspozicio kaj publika propaganda matenkunveno.

La kotizo estas 4 Zlotoj, sendotaj kun la aliĝa letero al la konferencejo: Muzeum Przemyslowe, Smoleńska 9, aŭ la ĝenerala sekretario: D-ro Leopold Dreher, Kraków, Starowislna 37.

*

Varsovio, 13. IX. 1926.

Al la Organiza Komitato de la „I-a Tutpollanda konferenco de Esperanto“ en Kraków.

Konsiderante, ke „Tutpollandan konferencon de Esperanto rajtas, konforme kun la decido de l' Konferenco de la jaro 1925, kunvoki nur ĉiuj centraj organizaĵoj esperantistaj en Polujo; la Varsoviaj societoj klarigas ĉi-pere, ke en la organizado same kiel en la laboroj de l' „tiel nomata“ I-a Tutpollanda Konferenco de Esperanto en Krakovo (30. 10. — 1. XI. 1926) ili ne partoprenas.

Subskribis:

A. Stankiewicz, vicprezidanto, en nomo de Pola Esperanto-Asocio; M. Szenfeldówna, E. Wiesenfeld, en nomo de E. R. „Konkordo“; J. Burkathówna, en nomo de Pola Studenta Esperantista Societo; I. Koss, en la nomo de Esperantista Societo „Laboro“.

Bedzin. — Agadas S-ro Rosen celante fondi grupon.

Czortków. — Nova kurso gvidata de S-ro H. Oberländer.

Kraków. — Loka esperantistaro disvolvis lasttempe viglan agadon. Post ekspozicio en Muzeo de Industrio en Oktobro 1925, patronita de la direktoro de la Muzeo S-ro inĝ. Tor, kaj publikaj paroladoj de prof. Bujwid kaj D-ro Dreher en la domo de la Muzeo, publika opinio al Esperanto pliboniĝis. Iom kontribuis al tio la energia disvastigado de la lernolibro de Leo Turner, pri kio aperis recenzoj en multaj polaj gazetoj. Societo „Esperanto“ fervore agas. Junaj esperantistoj Ziomek, Sternberg, Janczalek, Gross k. a. helpas organizi ĉi-jare tutpollandan esperantan konferencon. La dua grupo „Pola Klubo Esperantista“ havis kurson. Estas restarigota la „Akademia Rondo de Esperantistoj“, tre vigla antaŭ la milito. L. D.

Lublin. — „Unuiĝo de Metalistoj“ aranĝis kurson kun 15 laboristoj. Agadas tre energie S-ro Halpern. L. D.

Sosnowice. — Matenfesto en urba teatro de Esperanto-grupo de la Scienca Asocio T. U. R., dum estis ekzamenitaj kursanoj, el kiuj sep sukcesis. Alparolo de la delegito de UEA S-ro Sosnovski, „Estimo por laboro en verko de Zamenhof.“

Tarnów. — La movado revekiĝis dank' al S-ro gimn. prof. Lesiak, kiu gvidis tre sukcesan kurson. L. D.

Kursoj okazis en Chyrów, Lomza, Bialystok, Lodz, Wilno, Rylsk W., Biala Podlaska k. a., kiel montriĝas el venditaj lernolibroj. L. D.

## Rumanio.

### 6-a Rumana Esperanto-Kongreso

en Galati (11—13 Septembro 1926

Ministro Trancu-Iaŝi aktive prezidis,
la Ministro de Publika Instruado estis oficiale reprezentita.

*

Antaŭ 22 jaroj malfermis la unuan esperantan kurson en Rumanio S-ro Henriko Fischer, tiama absolvinto de komerca lernejo, hodiaŭa Lingvo-komitatano kaj prezidanto de Rumana Esperanto-Societo; lia unua kursano estis S-ro Trancu-Iaŝi, tiutempe bankoficisto, nune Ministro de Laboroj kaj Honora Prezidanto de Rumana Esperanto-Societo. La 6-a Kongreso posedis speciale varman atmosferon de rememoro pri la komenca tempo de nia movado en Rumanio.

La tiamaj pioniroj disiris kaj la agado malviviĝis. La Esperanto-Centro Rumana staris antaŭ malfacila problemo: Kiel organizi kongreson sen helpantoj? Esperanto-Centro Rumana kuraĝe provis, sendante sian ĝeneralan sekretarion Tiberio Morariu por aranĝi kurson dum du semajnoj antaŭ la kongreso. Dank' al la senpera metodo de S-ro Andreo Ĉe, la kursanoj dum dekdu lecionoj lernis la lingvon tiom bone, ke ili povis konversacii kun la kongresanoj. La admirinda metodo de S-ro Ĉe elvokis grandan interesiĝon; S-ro Morariu komencis sian kurson kun 25 lernantoj kaj ĉe la tria leciono li havis pli ol 60 kursanojn, tiel ke necesis dua instruisto el Bukureŝto, S-ro Siegmund Prager, kiu malfermis du pluajn kaj post la kongreso komencis tri novajn kursojn.

Laŭ dispono de l' urbestraro, oni ornamis la urbon je la honoro de l' 6-a kongreso. Ĉe la stacidomo riĉe ornamita la muziko de l' 11-a regimento „Siret“ akceptis Bukureŝtan vagonaron ludante la esperantan himnon. J. Zaharia, urbestro, esperantlingve bonvenigis la alvenintaron. Saman vesperon okazis la interkonatiĝo de ĉirkaŭ 200 kongresanoj.

La 12-an, dimanĉe matene, abato Andreo Ĉe faris diservon kun altideala prediko esperantlingva en la plenplena katolika preĝejo.

La solena malfermo — dank' al afabla S-ro G. Tatovici, departementa prefekto — okazis en la distrikta Palaco Administracia arte ornamita per esperantaj simboloj. La kongreson malfermis ministro Trancu-Iaŝi, kiu en pli ol unuhora rumana kaj esperantlingva parolado akcentis la pacigan rolon de Esperanto en la internaciaj rilatoj.

„Estu bonvenintaj, kavaliroj de la verda stelo, vi, apostoloj suferantaj kiel Kristo pro la hodiaŭa homaro interbatalanta, hipokrita kaj bedaŭrinde ankoraŭ nesufiĉe konanta la mirindan valoron praktikan kaj idealan de la mondlingvo. Samideanoj, kunvenintaj el ĉiu parto de la rumana lando kaj de eksterlando, mi deziras, ke vi trovu vin hejme inter ni, rigardu la riĉan Galacon, simbolon de la potence evoluanta ekonomio kaj komerco de nia lando. Konvinkiĝu pri la paca progreso kaj disdiru en ĉiujn partojn de la mondo, kion vi vidis tie ĉi. Refutu la kalumniojn de malbonvoluloj ĉiam instigantaj la homfratojn por malpaco; rakontu al ĉiu pri la riĉeco, laboremo kaj pacemo de nia lando . . . Nia landestraro donas al la Esperanto-movado la konsideron, kiun ĝi meritas, kiel altvaloran interpacigan rimedon sur la kampoj de l' ekonomia kaj spirita vivo internacia . . .“

La tondre aplaŭditan paroladon aparte dankis S-ro H. Fischer kaj li speciale salutis la ĉeestantajn pionirojn de rumana esperanta movado: S-rojn kolonelon Ĉiolac, ĝenerala inspektoro de la Ministerio de l' Saneco, komandoron P. Georgescu, farmaciston T. Aburel kaj D-ron Kanner.

S-ro Bogdanescu, regiona ĉefinspektoro lerneja, transdonis la saluton de la Rumana Ministerio de l' Publika Instruado.

Urbestro J. Zaharia tre elokvente parolis esperante en la nomo de urbo Galaco, poste S-ro deputato I. Balaŝ en esperanta kaj rumana lingvoj. Post la brila parolado de S-ro Andreo Ĉe, sekretario de la Internacia Centra Komitato, Ĝenevo, S-ro E. Nicolau, vicprezidanto de Rumana Esperanto-Societo, kaj S-ro T. Morariu, ĝenerala sekretario de Esperanto-Centro Rumana, dankis al la organizantoj, precipe al S-ro W. Palmich kaj S-ro E. Paolazzo pro la bone preparita kongreso. Ankoraŭ paroladis S-ro kolonelo Ĉiolac de la Ministerio de l' Saneco, S-ro prof. S. Prager, sekretario de Esperanto-Centro Rumana, S-ro direktoro Munteanu, S-ro Vanghelovici de la Besarabia Esperanto-Centro, S-ro Beraru de la „Brila Stelo“, Bukureŝto, k. a.

Poste salutis la kongreson S-ro Renato Samblich en la nomo de l' itala esperantistaro, S-ro Edmund Jarosiewicz de l' polaj samideanoj kaj S-ino Berta Moser, belga esperantistino. La ĉeĥoslovaka kaj bulgara societoj telegrafe salutis la kongreson, alvenis arego da salutoj de societoj kaj izoluloj.

Sekvis bankedo en la publika ĝardeno, ĉeestis ministro Trancu-Iaŝi, urbestro Zaharia, deputatoj majoro Dimitriu kaj advokato Balaŝ.

Oni ŝuldas specialan dankon al S-ro direktoro I. Tohaneanu, afable transdonintan la amfiteatron de liceo „V. Alexandri“ por la posttagmeza laborkunsido. Post raporto pri la pasintjara agado oni elektis novan gvidantan komitaton de Rumana Esperanto-Societo: honoraj prezidantoj Ministro Trancu-Iaŝi kaj Generalo Gavanescul; aktiva prezidanto Henriko Fischer, L. K.; vicprezidantoj kolonelo Ĉiolac kaj E. Nicolau; sekretarioj Harabaĝiu, Timis kaj Nitescu; kasisto-bibliotekisto S. Prager; konsilantoj deputato-advokato I. Balaŝ kaj T. Morariu, ĉefdelegito de UEA. Post la elekto oni diskutis financajn kaj propagandajn aferojn.

Fine de la laborkunsido la kongresanaro, invitita de S-ro inĝeniero Deleanu, prezidanto de Komerca Ĉambro, vizitis la interesplenan „flugantan foiron specimenan“.

Vespere en teatro „Paradis“ okazis ekzameno sub gvido de S-roj A. Ĉe, H. Fischer, E. Nicolau kaj T. Morariu. Oni aljuĝis 30 premiojn al meritoplenaj gelernantoj. S-ro H. Fischer faris rumane propagandan paroladon bonhumoran dum unu kaj duona horoj al la neesperantista publiko. Bele deklamis kaj paroladis S-ro Leonardo Blum, M. Hart kaj Rabner.

Lunde matene nia maljuna samideano komandoro Pompiliu Georgescu, havenestro, disponigis ŝipon al la kongresanaro por plurhora promenado sur la Danubo. S-ro komandoro kaj prof. Panaitescu, ĝenerala sekretario de la Komerca Ĉambro, donis klarigojn pri la ĉirkaŭaĵo Gaje flirtis la verdstelaj flagoj kaj la samideanaro ĝuis la mildbalancan veturon. Preterpasante grekan ŝipon „Esperos“ la rumana esperantistaro faris ovacian manifestadon simpatian al la parencnoma ŝipo greklanda. — Tagmeze okazis dua laborkunsido surŝipa kaj ekskurso al najbara havenurbo Braila. La kongresanaro vekis ĝeneralan intereson ĉe la Braila loĝantaro kaj ĉe la publiko de banloko „Lacul Sarat“ (Sala Lago).

La kongresanoj ŝuldas tre varman dankon al S-roj D-ro Alexandrescu, senlaca organizinto, urbestro Zaharia pro laboraj

kaj materialaj helpoj, al la sekretarioj de la Organiza Komitato, profesoroj de la „rekordkursoj“: Morariu kaj Prager, al la lokaj samideanoj: Paolazzo, Cristovici, Hart kaj Bachmann, speciale al la ŝtervorega sekretario-kasisto de L. K. K.: Willi Palmich. Dankeme ni mencias la apogon de librejo „Socec“ gvidita de S-ro Angheluta kaj tiun de S-ro Mihailescu, presa komitatestro.

La gazetoj „Galati Noi“ (Nova Galaco) kaj „Vocea Galatului“ (La voĉo de Galaco) aperigis esperantlingvajn artikolojn.

Fine la kongresanaro disflugis ĉiudirekten por denova ĝoja renkonto en Braŝov dum 1927! Kongresano.

## Sudslavio.

**Zagreb.** — La fakultata konsilantaro de l' universitato en sia kunsido 17. VII. (dekreto N-ro 572) nomis D-ron Maruzzi docenton de Esperanto ĉe la komerca fakultato kaj asignigis al li la honorarion. — Radiostacio komencis disaŭdigojn de siaj programoj por la eksterlando (lunde, merkrede, vendrede je la 23—23.30 h. MET, ondlongo 350). Tiuokaze ĝi uzas ankaŭ Esperanton, uzata jam kiel korespondlingvo. Oni petas ĉiujn samideanojn, aŭdantajn la disaŭdigojn, gratuli la stacion por fortigi ĝian favoron. — La komitato de la Ruĝa Kruco simpatias al nia movado, ĝi decidis eldoni esperantan gramatikon por sia adeptaro. — Fondiĝis kelkaj novaj kluboj, malgraŭ la feria sezono, kio montras viglan intereson por nia afero. La nova laborjaro estos tre fruktodona.




## Svislando.

### Esperanto ĉe Ligo de Nacioj.

Dum la VII-a ĝenerala kunveno de la Ligo de Nacioj la dua komisiono raportis al la plenkunsido pri la sukcesa sekvo donita al la rezolucio de la V-a kunveno rekomendanta al ĉiuj ŝtatoj doni al Esperanto la rajton de *lingvo klara* en telegrafio kiel „praktika helpa lingvo de la internaciaj rilatoj.“ La raporto konstatas, ke la Pariza interŝtata konferenco de la Universala Telegrafa Unio ŝanĝis sian regularon je artikolo VII por plenumi tiun deziron kaj doni al Esperanto tiun rajton per simila maniero kiel jam ekzistis por la latina lingvo. La Ligo unuanime aprobis la raporton.

**Biel** (Bienne). Esperanto estas enkondukita kiel fakultativa fako en la Perfektigan Lernejon de l' Komerca Asocio por la lerneja jaro 1926-27.

**Genève.** — La 21 Septembro la grupo „Stelo“ okazigis tre sukcesan publikan manifestacion por Esperanto en Salle Centrale antaŭ 450 personoj. Paroladis eksministro Radiĉ, delegito jugoslava ĉe la Ligo de Nacioj, S-ro Henri Lafontaine, vicprezidanto de Belga Senato, D-ro Privat kaj S-ro Frank Thomas, la fama predikisto. Prezidis instruadministro Ĝeneva André Oltramare. Afiŝoj anoncis: „Por venki la lingvan barilon“. Pluraj kursoj malfermiĝis. La 1 Oktobro D-ro Privat prelegis al laboristoj en Sindikata Unuiĝo. Kurso de S-ino Danneil sekvis.

**Neuchâtel.** — La 29 Septembro D-ro Privat prelegis en „Popoldomo“. Kurso malfermiĝis.

**Zürich.** — La 9-an de Oktobro paroladis S-ro Robert Kreuz, ĝenerala sekretario de I. C. K. La 10-an okazis la ĝenerala jarkunveno de la Svisa Esperanta Societo. Partoprenis 60 personoj el 16 grupoj. La membraro altiĝis nun ĝis 464. Sub prezido de D-ro Privat okazis vigla diskuto pri ĉiuj propagandaj demandoj aktualaj.

## Usono.

**Nome** (Alasko). — Ĉu ekzistas samideanoj en la iam fama orlando, la eldorado de homoj dezirantaj rapide riĉiĝi? Ni prezentas tie ĉi bildon de S-ro Peter P. Wynants, maŝinisto en Nome, jam malnova ano de UEA kaj fidela leganto de „Esperanto“.

---

## VI-a Internacia Demokrata Kongreso por la Paco en Bierville

Okaze de tiu ĉi kongreso Esperanto skizis sian rolon. Laŭ instigo de S-ro Georges Delanoue, ĉefdelegito de UEA en Paris, la Organiza Centra Komitato konsentis diskonigi tiun manifestadon per la gazetaro. Plie, laŭ instigo de l' Universala Esperantista Pacifista Ligo, la Organiza Centra Komitato dissendis programon.

En Bierville estis kelkaj dekoj da esperantistaj kongresanoj. Dum la kongreso multaj personoj aŭdis unuafoje Esperanton kaj sincere miris ĉu pro la tiel facila interkompreniĝo, ĉu pro la sama elparolo.

Multaj personoj varbiĝis al nia afero. Ĉe fermo de la kongreso S-ro Delanoue parolis en Esperanto por la anoj de la neoficialaj lingvoj kiuj kolektiĝis sub la signo de Esperanto.

---




# Tra la gazetaro

Pri vera esperantisteco kaj praktika kompreno de la „interna ideo" ni legis rakonton en *Ondo de Daŭgàva,* Junio 1926:

S-ano J. Udrich, konata samideano el Narva, eksa urbkonsilanto tiea, sciigas al ni jenon:

Filo de malriĉaj gepatroj, li iĝis laboristo kaj poste elektroteknikisto en la Narva drapfabriko. En 1917, kiam eksplodis la rusa revolucio, li estis elektita prezidanto de tiea laborista komitato. Kvankam li je nenio kulpiĝis sur tiu posteno, la germanaj okupaciantoj en 1918 arestis kaj sendis lin en malliberejon apud Tallin, forŝirante lin de lia edzino kaj tri infanetoj. Tie la vivo estis nepriskribeble mizera. Malsato igis manĝegi eĉ herbon kaj interŝangi lastan ĉemizon kontraŭ peco da pano. Ni ne opinias oportuna priskribi ĉi tie suferojn de nia samideano. Sufiĉas diri, ke li fine — morte malsanega — trovis lokon en malsanulejo de Vec-Gulbene. Sed ankaŭ tie la vivo ne estis enviinda. Li renkontis 20 kunsuferantojn, laŭ kies rakontoj tie neniu espero ekzistis pri resaniĝo. Krome la tuta flegantaro konsistis el germanoj, kiuj ne komprenis aliajn lingvojn.

Kiam post kelkaj tagoj venis iu kuracisto, demandante ĉu iu el la malsanuloj komprenas alian lingvon krom gepatra, nia samideano, iom kompreninte lin, respondis, ke li komprenas Esperanto. La kuracisto tiam ekridetis kaj foriris. Ni daŭrigos nun per la vortoj de la rakontanto.

„Alian tagon frumatene eniris juna kuracisto kaj demandis esperante: kiu el vi parolas Esperanton, — aŭdinte ĉi tion, mi elsaltis el la lito, kvazaŭ min iu elĵetis, kaj diris: „Mi, S-ro kuracisto!" Li alproksimiĝis, donis la manon kaj diris: „Mi estas helpkuracisto Valentin Welz, S-ro ĉefkuracisto destinis min kiel kuraciston por la fako de malliberuloj, sed vin kiel flegiston kaj tradukiston. Vi restos ĉi tie, dum funkciados la malsanulejo, kiel oficisto, ricevos apartan ĉambreton kaj pligrandigitan porcion da manĝaĵo. Krome mi prizorgos vin, kiel tion ordonas sankta devo de esperantisto al esperantisto. Ĉu vi konsentos? —

Oni ne povas imagi, kun kia miro min rigardis la aliaj ĉeestantoj. Ili ne komprenis, kio okazis. . .

Kiam foriris S-ro Welz, mi konatigis al ili la lingvon internacian. Ili ĉiuj interesiĝis, preskaŭ ĉiuj decidis ellerni ĝin post la liberiĝo.

Nun por mi komenciĝis nova periodo de la vivo. Manĝaĵojn mi ricevadis sufiĉe, ofte eĉ bieron. Okulvideble mi plifortiĝis.

Kelkfoje la ĉefkuracisto petis, ke ni kun S-ro Welz parolu Esperante pli longe, pri ia serioza temo. Li sidiĝis tiam kaj atente aŭskultadis. . .

Aperis famo pri revolucio en Germanujo. S-ro Welz min sciigis, ke baldaŭ la germanoj foriros kaj ĉiujn malliberulojn liberigos. . . Kaj iun vesperon ni sciiĝis, ke morgaŭ ni ĉiuj estos liberigitaj. Jen nova malfeliĉo — morgaŭ oni forpelos min nudpiede en ĉemizo. Estas frosto, kion ni faru? . . .

Sed la sekvintan matenon oni min venigis en la kancelarion. Mi ricevis liberigan dokumenton, preskaŭ novajn botojn, ŝtrumpojn, necesajn vestaĵojn, panon, kuiritan viandon, tabakon kaj dek rublojn da mono. Pro emocio mi ne povis eldiri eĉ unu vorteton, sed ekploris. La ĉefkuracisto alproksimiĝis, metis manon sur mian ŝultron kaj diris: „Ne ploru malfeliĉulo, prenu ĉi tion kaj feliĉe atingu la hejmon, kie vin atendas viaj karaj familianoj."

Kiam S-ro Welz tradukis al li mian dankon, li aldonis: „Ne danku min. Ne forgesu, ke pro ĉio vi ŝuldas dankon al la lingvo internacia. . ."

Vespere je la oka ni forlasis la malsanulejon. S-ro Welz min akompanis ĝis la stacidomo, kie ni disiĝis post kora manpremo."

Nia samideano feliĉe atingis la hejmon kaj retrovis siajn gekarulojn. Sed li ankoraŭ nun suferas fizike kaj psike pro la postsignoj de tiu malliberejo — infero, ĉiam danke memorante la efektivan savinton de sia vivo — nian karan lingvon.

∴ Dum la Ĝeneva Kongreso estis sukcese provita sciencaj prelegoj sub nomo de „Somera Universitato." Ke la ideo trovis aprobon montras la fakto ke en Edinburgh la sama aranĝo bonege impresis dank' al pliriĉigo de la prelegoj kaj profitigo de akiritaj spertoj. Ke ne ĉiuj aprobas la ideon estas komprenebla. Sed kian strangan argumentadon kontraŭ la Universala Kongreso kaj la Somera Universitato ni vidas en *Katolika Espero,* Aprilo 1926. La verkinto, honorinda pastro Georges Rambaux opinias ke tiuj prelegoj subtenas „liberalismon" kaj forigas „neŭtralecon" de la kongresoj. Laŭvorte:

„Oni eble kontraŭdiros al ni, ke katolikoj povos ankaŭ partopreni la Someran Universitaton kiel profesoroj en ia ajn fakultato kaj disvastigi ortodoksajn ideojn. Sendube! Sed en tia pozicio, ĉiam malsuperiĝas la Vero, ĉar nea doktrino postulas nur negativan toleremon por neige kaj detrue efiki, dum pozitiva doktrino, por nur persisti, postulas nepran aliĝon kaj pozitivan respekton, kiu restigas nenion de la nea doktrino.

La Someraj Universitatoj kondukas nin al tiu mensoga neŭtraleco. Tial kuraĝe ni montras la danĝeron.

Verŝajne oni ne returneniros al la neŭtraleco de la ĝisnunaj kongresoj. Oni konservos, eĉ plivastigos la planon de la Someraj Universitatoj. Konsekvence la Universalaj Esperanto-Kongresoj ne plu estos vizitindaj de la katolikoj, ĉar ili ne estos pli vere neŭtralaj, sed tendencaj. Plie ili ne povos plu pretende esti la kongresoj de la ĝenerala Esperanto-Movado."

La konkludo celas do rektan bojkoton de la kongresoj universalaj. Jam apartiĝis la laboristaj esperantistoj kaj pli malpli la katolikaj. Ja estas fakto, ke iom post iom specialiĝas la movado kaj ke apartiĝas fakaj profesioj kaj mondperceptaj unuiĝoj. Sed ĉu efektive nia lingvo jam estas ĝenerala? Ĉu ni devas ĉesi la klopodon, plekti la manon kaj atendi la dekreton de iu supera aŭtoritato enkondukanta Esperanton? Ĉu ekzemple la Katolika Eklezio serioze konsideris la aferon? Ĝis nun ne! De ni mem dependas la enkonduko; niaj argumentoj devas bazi sur realaĵoj ne sur bonintencaj opinioj. Sekve ni devas batali, manifestadi ktp. La partopreno al la U. K. estas mezurilo de nia vivoforto; la aldono de seriozaj fakaj kunvenoj estas pliriĉigo. La montro, ke Esperanto taŭgas trakti sciencajn problemojn altiros tiun mondon, kiu pleje kontraŭbatalas nian movadon. Ke la prelegoj harmoniu kun la deviga „neŭtraleco", de la kongreso (Art. 2 de la regularo) pri tio zorgas la Internacia Centra Komitato, kiu respondecas ja pri la aranĝaj de la kongresoj. Kaj se iu ne ŝatas viziti eblan prelegon pri „Koloniigado de Palestino" neniu malhelpas lin aŭdi tiam alian pri „Francisko d' Assisi kaj lia tempo." — Sine ira et studio.

∴ Tradukante proverbon de nacia lingvo en internacian oni pensu internacie! Ekzistas internaciaj proverboj, laŭvorte tradukeblaj kaj komprenataj de sufiĉa plimulto. Sed la plimulto de tradukitaj proverboj estas nekomprenebla se la traduko

similas al tiuj kiujn ni ĉerpas el *„Esperantista Junularo"*, Junio 1926. La surskribo „Migradvortoj" ne elvokas precizan ideon ĉe leganto, nekonanta la germanan lingvon. Oni supozas ian ludon, similan al „Krucvort-enigmo." La ideo de „Migradvortoj" estas „Pensoj dum migrado." Jen kelkaj perloj:

Atingu la supron, sed estu ankaŭ digna al ĝia alteco!

*

La batalo por la atingo de la supro vin donacas per kuraĝo, maltimemo, volforto kaj akraj okuloj, sed malgraŭ ĉio vi ne estas digna al la naturo, se vi ne akiris al tiuj la bonecon.

*

Oni migras ofte dum horoj kun nekonataj homoj, sed kiuj baldaŭ pli proksime staras al vi, kiel nomo, rango kaj historio de viaj multaj konatuloj.

*

Estu pli laŭta, ol la fonto, malmola, kiel la roko, boneca, kiel la suno kaj fiera, kiel la kverko.

*

Montlibero! Sed liberu ankaŭ de viaj malbonaj ecoj kaj kutimoj, amiko.

Spertaj enigmo-solvantoj havas dankplenan laboron trovi la sencon de tiuj „Migradvortoj."

∴ Ni jam kelkfoje kritikis en tiu-ĉi gazeto la manion, bombardi per korespondaĵoj iun eminentulon aŭ gravan institucion kun la celo interesigi je nia movado. Tiaj procedoj nur havas sencon en difinitaj kazoj laŭ serioza invito. Ni ĉerpas pensigan parton el artikolo de D-ro A. Corret, „Aŭskultu, Petu, Gratulu", en la numero Junio-Julio de la *„Internacia Radio-Revuo."*

Kiam, post longa klopodado, estis fine permesite en Francujo disaŭdigi esperantaĵojn, la stacio „Radio-Paris" urĝe telegrafis al ni, por kiel eble plej „tujege" komenci esperantan kurson. Post kelkaj tagoj la kurso komenciĝis, eĉ preskaŭ ne anoncite pro manko de tempo. Esperanta kurso estis ja tiam *novaĵo*, kaj la stacio „Radio-Paris" tre deziris ekaŭdigi tian kurson pli frue, ol tion faros la stacio de l' Supera Lernejo de Poŝtoj kaj Telegrafoj, kun kiu ĝi iom konkureme rilatas.

Post kiam forpasis proksimume tridek lecionoj, la direktantoj komencis demandadi, kiam estos kompletigita la kurso. Kiam ĉe la kvardeka leciono la kurso finiĝis, kaj supera perfektiga kurso estis proponata, tiam estis respondite, ke estos sendube pli bone „post kelkaj monatoj"; kaj estis entreprenita kurso pri komerca librotenado kaj alia pri angla lingvo.

Sendube, se estus ricevitaj pli da aprobaj kaj gratulaj leteroj, la supera kurso estus akceptita.

La stacio do tre malmulte sciiĝas, ĉu la esperanta programero interesas la aŭskultantojn. Ĝi eĉ ofte povas supozi, ke la esperanta kurso kontraŭe malinteresas ilin. Homoj ja pli volonte skribas, por plendi, ol por gratuli. Do malgratuloj ne mankas. Ili plendas, . . . ke Radio devas esti amuzilo, ne plua lerneja tedaĵo; ke ili elbakis multe pli bonan lingvon, ol Esperanto; ke lingvo internacia estas idiotaĵo; ke estus pli bone propagandi la nacian lingvon, ĉar nepre ĝi devas fariĝi la lingvo internacia; ktp.

Dume, la esperantemuloj preskaŭ nenion skribas, ĉar ili jam estas kontentigitaj aŭ ĉar . . . ili ankoraŭ ne posedas radio-ricevilon. La stacio do baldaŭ ekopinias, ke venis tempo anstataŭigi la esperantan programeron per ia pli freŝa allogaĵo, ĉar ĝi jam de sufiĉa tempo „okupas la afiŝon."

Se niaj samideanoj ne volas, ke perdiĝu por ni la mirinda propaganda kampo de Radio, ilia devo estas klara.

Ili havigu al si per aĉeto aŭ per propra konstruo radioricevilon. Ili *aŭskultu* kiel eble plej grandan nombron da stacioj. Ili montru sian multecon, *skribante* al tiuj stacioj kaj *petante*, ke ili instruu kaj poste uzu Esperanton Ili fine de tempo al tempo *gratulu* al la stacioj, kiuj jam nun disaŭdigas esperantaĵojn.

∴ *Heroldo de Esperanto*, N-ro 35 kaj sekvantaj enhavis legindan priskribon de vojaĝo kiun faris S-ro Teo Jung, ĉefredaktoro, en Iberia Duoninsulo. Ĉe la „Floraj Ludoj" en Santa Coloma de Farnes, S-ro Teo Jung ricevis unuan premion pro verkado de poemo „La Alta Kanto de la Amo." (Sinceran gratulon. Red.)

∴ *Bulletin Mensuel* de la Chambre de Commerce Française de Londres, N-ro 146, Julio 1926, enhavas la tekston de parolado farita de S-ro Le Brun, konsilanto de la Komerca Ĉambro, pri Esperanto.

∴ *Der Bund*, Trafika-ekonomia revuo de la Foiro de Frankfurt a. M. kaj de la „HAPAG" regule enhavas artikolojn en Esperanto.

∴ *Revista de l' Ateneo*, hispanlingva revuo aperanta en Jerez de la Frontera, ankaŭ havas regulan Esperanto-angulon gvidatan de Del. de UEA S-ro Naranjo.

* * *

## Novaj gazetoj.

*Utrechta Esperantisto*, hektografita loka revueto de Esperanta Societo en Utrecht, Nederlando.

*Berliner Esperanto-Anzeiger*, eldonita de la Berlina Esperanta Unuiĝo. Adreso: Berlin-Steglitz, Stubenrauchplatz 5.

*Bulteno* de Esperanto-Societo „Paco kaj Amo" en Barcelona. Adreso: Str. Planeta 16 pral. (Plaza de l' Sol.)

*Kalifornia Folieto*. Adreso: 1633 Dwight Way Berkeley, California, USA.

*The Irish Esperantist*, organo de la Irlanda Esperanto-Asocio (Hektografita).

Ĉe la aziaj samideanoj la gazetfonda febro enpenetris. Al la jam ekzistantaj *„Oomoto"*, *„Verda Ombro"*, *„Revuo Orienta"*, *„Verda Mondo"* kaj *„Nova Sento"* nun aldoniĝis novaj revuetoj *„Esperanto en Nipponlando"* eldonita de Esperanto-Propaganda Asocio en Kameoka, Kiotofu, plie *„Verda Lumo"* eldonita en Shanghai, P. O. B. 1332, en ĉina kaj esperantaj lingvoj, kaj por kompletigi aperis nun unua numero de la *„Verda Homo."* Post tio-ĉi ni scivoleme atendas daŭrigon de tiu-ĉi *„verda"* serio.

* * *

## Nacilingvaj revuoj.

∴ *Auckland Labour News*, Novzelando, enhavas rubrikon unupaĝan „Per Esperanto", konsistantan el tradukoj el laboristaj gazetoj.

∴ *Das Goldene Zeitalter*, artikolo unupaĝa pri Esperanto.

∴ *Bulletin d' Information* de la Fédération internationale des Ouvriers du Transport (Informa Bulteno de l' Internacia Federacio de la transport-laboristoj) konstante raportas pri faktoj de la Esperanto-Movado.

∴ *The All Nations*, New York, revuo aperanta kun tekstoj en ok lingvoj inter ili Esperanto. Redaktas tiun parton samideano Max Amiel. Ni gratulas al la iniciatinto kaj rimarkigas nur ke UEA ne havas 20000 anojn ke ne ekzistas 2000 esperantaj gazetoj kaj ke la cifero de 20000000 da esperantistoj estas grandega „anaso."

∴ Radio-Gazetaro: *Wireless Weekly*, Sydney, Aŭstralio, enhavas regulan Esperanto-rubrikon.

* * *

## Diversaĵoj.

Represoj de artikoloj el „Esperanto": *Rheydter Zeitung*, traduko de artikolo de D-ro Privat „Du vojoj al mondlingvo" (Zwei Wege zu einer Weltsprache).

*Vídeňský deník* (Viena gazeto en ĉeĥa lingvo), enhavis tradukon de artikolo „Por kompreni Hindujon" de nia ŝatata kunlaboranto Liang-Ĉu-Vaj, tradukita de S-ro Dostal.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro [M] 5 Fr. Membro-Abonanto [MA] 12,50 Fr. Membro-Subtenanto [MS] 25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favorprezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 4, 10, 20; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 100; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 4, 10, 20: **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 4,—, 10,—, 20,—; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 5, 10, 25; **Irlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Italio:** L. 12, 30, 100, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 6, 12,50, 40; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 50 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 50. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Franclando: No. 22176, Lyon. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Italio: Bologna 3-327. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Jarlibro 1927.** — Pro la ripeta insisto aperigi la jarlibron komence de la jaro ni decidis ŝanĝi la ĝisnunan metodon kaj klopodi kontentigi nian membraron. La Delegitoj de UEA ricevos kun tiu-ĉi numero, Oficialan Bultenon N-ro 16 kaj korektofoliojn por la jarlibro 1927. Ni ne bezonas atentigi tie-ĉi pri la nepra bezono de tuja resendo. Informoj venontaj post **15 Novembro 1926** ne plu estas konsiderotaj; Transmaraj Delegitoj bonvolas resendi tuj; eblajn korektojn ni aldonas dum kompostado. Delegitoj ne ricevintaj bultenon nek korekto-folion sciigu tion al la Centra Oficejo.

**Parto Esperantismo.** — Ni atentigas la esperantajn organizaĵojn kaj gazetojn ke al ĉiuj kies informoj aperis en Jarlibro 1926 ni sendis korektofolion por la eldono 1927. Informoj alvenontaj Ĝenevon post **15 Novembro 1926** ne plu aperos en jarlibro 1927. Sekve respondu akurate. La organizaĵoj kaj gazetoj pro ia kaŭzo ne aperintaj en 1926 sendu egale prespretan tekston laŭ la modeloj en jarlibro 1926.

**Anoncoj kaj Reklamoj.** — La prezoj restas senŝanĝaj kiel en jaro 1926. Tuta paĝo de la jarlibro 80 Frk., duonpaĝo 40 Frk., 1/4 paĝo 20 Frk. svisa valoro.

Kiel novaĵon ni enkondukas malgrandajn anoncojn pri hoteloj, firmoj, entreprenoj ktp. dezirantaj konigi sin al vojaĝanta publiko. Tiuj anoncetoj triliniaj aperos post ĉiu loko en la Adresaro de la Delegitoj kaj grupoj, tiel ke ĉiuj informoj troviĝos kune. Kosto de unu enskribo *7,50 Frk. sv.* Mendontoj nur rajtas tiun enskribon sen ricevo de pruvekzemplero. Firmoj aliĝantaj kiel entreprenoj estas lokigataj egale post la urbo en la adresaro.

**Itala poŝtĉeko.** — Ni informas niajn italajn samideanojn ke de nun ĉiuj pagoj povas esti farataj senkoste kaj simple al nove malfermita poŝtĉeka konto itala. Oni adresu: Universala Esperanto-Asocio Ginevra, Servizio Conti correnti postali, conto 3—327, *Bologna*

**Nova teritorio.** — La komisiono de UEA aprobis la starigon de nova teritorio — Jugoslavio — kun administra centro en Zagreb. La teritorio ampleksas la tutan reĝlandon de serboj kroataj kaj slovenoj. Estas elektitaj:

D-ro Dušan Maruzzi, komitatano de UEA en Zagreb (Ĉefdelegito).
S-ro Radomir Klajič, Delegito de UEA en Beograd (Vic-Ĉefdel.)

Por faciligi rapidan plenumon de aliĝoj kaj mendoj ni centrigis la administradon de la kotizoj en Zagreb. Estas elektata Teritoria Sekretario de UEA

S-ro Ilija F. Puhalo, Strojarska cesta, Zagreb

kiu de nun ricevos ĉiujn aliĝojn, mendojn ktp. konforme al la sciigo sendita al la Delegitoj voĉdonintaj.

**Novaj Delegitoj:**

**Addis Abeba**, Etiopio. D. S-ro Karlo F. Ludvik, Esp. inform. Oficejo.
**Alberobello**, Italio, Apulio. D. D-ro Giuseppe Gigante, Piazza Ferdinand IV.
**Andrychów**, Pollando, Bielsko. D. S-ro Samuel Monderer, dentkuracisto.
**Antung**, Ĉinio. Manĉurio. D. S-ro Junĝi Takahaŝi, P. O. Box 28
VD. S-ro Kijoĵi Oŝio, ĉe Kokusai Unso Ko.
**Baez**, Kubo, Sta. Clara. D. S-ro Francisko Alegret, komercisto.
**Bamako**, Afriko, Franca Sudano. D. S-ro Louis Germain Avid, Station de TSF.
**Bátaszék**, Hungario, Tolna. D. S-ro Aleksandro Szalay, librovendejo.
**Bello Horisonte**, Brazilo. D. S-ro Joao Vianna, Av. Commercio 219
VD. S-ro José Félippe de Azeredo Coutinho, Ave. Contorno 6263.
**Beppu**, Japanlando, Ooita-ken. D. S-ro Kin'iĉiro Sugiŭaka Furoomaĉi.
**Berkeley**, Usono, Kalif. D. S-ro F. A. Postnikov, 1633 Dwight way.
VD. S-ino Hilda F. Mills, 18 Northampton Ave.
**Bilene-Macia**, Afriko. L. Marques. D. S-ro D-ro Manuel da Costa Monteiro.
**Bourges**, Franclando, Cher. D. S-ino Marie Aligon, 191 rue Barbès.
**Breda**, Nederlando, Noord Brabant. D. S-ro Cornelis Diepstraten, Teteringschen Dyk 60 E.
**Brooklyn**, Usono, N. Y. D. F-ino D-ro Ruth S. Davis, 550 Eastern Parkway.
**Capurso**, Italio, Apulia. D. S-ro Vito De Grecis, Via Triggiano.
**Cardenas**, Kubo, Matanzas. D. S-ro Arthur Mortimer Murphy, Apartado 149.
**Chester**, Britlando, Cheshire. D. F-ino Agnes Hogg, 25 Bradford Str.
VD. S-ro James W. Dobson, 27 Brook Str.
**Colmar**, Franclando. D. S-ro Emile Zimmermann, 9 Rue des Moulins.
**Czortkow**, Pollando, Malopolska. D. S-ro Hillel Oberländer, Bibliotekisto.
**Dietfurt**, Svislando, St. Gallen. D. S-ro Gustave Höhn, Gasthaus Bahnhof.
**Eger**, Ĉeĥoslovakio, Böhmen. D. S-ro Josef Schuster, Ringstrasse 31 II.
**Elbeuf**, Franclando, Seine Inf. D. S-ro Georges Saget, 3 Rue Charles Mouchel.
**Ellefeld**, Germanio, Sa. D. S-ro Karl Meinel, Blücherstr. 25 G.
**Feilding**, New Zealand, Wellington. D. S-ro Roderick Ross, Awahuri Rd.
VD. S-ro Archibald Williamson, 8 Welleslew Str.
**Francavilla Fontana**, Italio, Apulia. D. Ludoviko Galiano, Via Imperiali 150.
**Frankenthal**, Germanio, Pfalz. D. S-ro Adolph Meissner, presejo.
**Gherla**, Rumanio, Trans. D. S-ro Béla Babos, Liceul „Petru Maior".
**Gioia del Colle**, Italio, Apulia. D. F-ino Margherita Eramo, Via Duomo 43.
**Gisborne**, Nov-Zelando, Auckland. D. S-ro John Low King, 42 Stanley Rd.
**Grottau**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Rudolf Müller, Clam-Gallas Str. 7.
VD. S-ro Franz Schwarz, Post II St.
**Guanajay**, Kubo, Pinar del Rio. D. S-ro Juan Sayas, Apartado 17.
**Gutor**, Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. F-ino Aranka Molnár, instruistino.
**Harrogate**, Britlando, Yorkshire. D S-ro Albert Osborne Eaves, Eave's. Business School, 52 Station Parade.
VD. S-ro David Henderson, 2 Regent Grove.
**Helemba**, Ĉeĥoslovakio, Slovakio D. S-ro Matěj Kovrč, ĝendarma serĝento.
**Höchst am Main**, Germanio, Hessen-Nassaŭ. D. S-ro Heribert Rosenlecher, Zeilsheimerweg 18.
**Hronov nad Metují**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Bedřich Kobr, č. 204.
**Igu-Gun**, Japanlando. D. S-ro Jukimasa Asada. Mijaki ken.
**Jasper**, Usono, Texas. D. S-ino A. C. Blackmore, fotografistino.
**Karvinná**, Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro Jan Sztwiertnia, č. 581.
VD. S-ro Teodore Niemiec, Sovinec č. 1537.
**Kobe**, Japanlando. D. S-ro Usabura Isikawa, Kobe Tetudokyoku.
**Krems a. d. Donaŭ**, Aŭstrio. D. S-ro Franz Stanke, Gartenaŭgasse 2.
VD. F-ino Emma Prokopp, Heinzstrasse 20.
**Kuopio**, Finnlando. D. S-ro Erkki S. S. Turunen, M. Cauthinkatu 58.
**Kuttenplan**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Hans Stark, Chocová Planá.
**Kyjov**, Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Josef Balcárek, Okresni Politická správa.
**Lom**, Bulgario. D. S-ro Ivan Simeon Djučev, VIII Pedagogia lernejo.
VD. S-ro Alexander Dimitr. Petrov, sama adr.
**London (Brixton)**, Britlando. D. S-ro Leonard Nevell, 166 Brixton Rd. S. W. 9.
**London (Hacknay)**, Britlando. D. S-ro Harry A. Epton, 17 Chatsworth Rd.

**London** (Maida Vale), Britlando. D. S-ro W. C. Chatters, 8 Elgin Terrace W. 9.
**London** (Marylebone), Britlando. D. S-ro Paul Blaise, Evelyn House, 62 Oxford Street.
**London** (Norwood), Britlando. D. S-ro K. R. C. Sturmer, 4 Electric Parade, Nordwood Rd. S. E. 27.
**Longridke**, Britlando, Lancash. D. S-ro Robert Morgan, pastro, The Manse.
**Madison**, Usono, South Dakota. D. S-ro Bruno Beckmann, c. o. Rev. Val. Junker, 321 Rd. Street Nordh West.
**Madras**, South India. D. S-ro G. S. Sarma Eliyurkar, 2-30, Nachiappa Chetti Str. Mylapore.
**Maffersdorf**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Ferdinand Kaulfers, Bezirks-Siechenhaus, ĉambro No. 186.
**Milnsbrigde**, Britlando, Yorksh. D. S-ro Fred. Hadfield, 76 Market Str.
**Montpelier**, Usono, Vermont. D. S-ino Nellie Monte Gill, 22 Bailey Ave.
**Mór**, Hungario, Fejér. D. D-ro Lajos Pentz, Szolgabiró.
**Morteros**, Argentino, Cordoba. D. S-ro Vicente Domingo Bonetto, Morteros F. C. C. A.
**Mühlbach-Mitterberg**, Aŭstrio, Salzburg. D. S-ro Rudolf Gardelko, Mitterberg, Post Mühlbach.
**Nagoja**, Japanlando, Aichken. D. S-ro Kinsjo Siraki, 33 Kutanda tikusa-mati.
**Naŭmburg** (Saale), Germanio, Preussen. D. S-ro Erich Wagenbreth, 6, 1, Kaiser-Friedrich-Platz.
**Negotin**, Sudslavio, Kraina. D. S-ro Teodoro Gnedovsky, profesoro.
**Německý Brod**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Jindřich Schrutek, Nádraží.
VD. S-ro Jaroslav Kopecký, Nádraží.
**Nikolsburg**, Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Hans Noisser, Friedrich-Schiller-Platz 5.
**Oldham**, Britlando, Lancash. D. S-ro John Jardine Seal, 279 Burnley Kane Chadderton.
**Opava**, Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro Bohumil Otava, ul. Boženy Němcové 8.
**Ottajano**, Italio, Campania. D. S-ro Francesco Cavallaro-Saitta, via Umberto.
**Petseri**, Estonio. D. S-ro Soldemar A. Rätsepp, Tartu str. 1.
**Radom**, Pollando, Kielce'a. D. S-ro Wolf Wajsfus, Pilsudskiego 16.
**Rutigliano**, Italio, Apulia. D. S-ro Giuseppe Trojano, Corso Cairoli.
**Schwerin**, Germanio, Mecklenb. D. S-ro Karl Peters, Burgstraße 6.
**Seesen a. Harz**, Germanio. D. S-ro Adolf Wedekind, Kleine Reihe 28.
**Shreveport**, Usono, Louisiana. D. S-ro Marcus L. De Vine, 303 Baker Str.
**Siitama**, Finnlando, Kangasala. D. S-ro Fredrik Bruno Honkavaara, Siitama via Tampere.
**Sowerby Bridge**, Britlando, Yorkshire. D. S-ro John Hoyle, 12 Finkle Str.
**Squinzano**, Italio, Apulia. D. S-ro Vincenzo Pagano, Via Lecce-Brindisi.
**Stein a. d. Donaŭ**, Aŭstrio. D. F-ino Antonie Brenek, Landstrasse 67.
**Strzemieszyce**, Pollando. D. S-ro Roman Dobrański, Zakłady Wapienna.
**Stuart**, Usono, Okla. D. S-ro William L. Person, Box 216.
**Sukeva**, Finnlando, Savo. D. S-ro Einar Sourander.
**San Diego**, Usono, California. D. S-ro Frank X. Jaeger, 4561 30-th Str.
**Sao Paulo**, Brazilo. D. S-ro Castorino Gomes de Carvalho, Rua Vergueiro 64.
**San Vito dei Normanni**, Italio. D. S-ro Vito Romano, Via Annunziata 7.
**Šamorýn**, Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro József Reininger, ž XV.
**Soobara**, Japanlando, Hibagun. D. S-ro Tojo Sato Toogun, kuracisto.
**Taranto**, Italio, Apulia. D. S-ro Lucio Schinaja, Corso Umberto 60.
**Třinec**, Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro Paul Blahut Eisenwerk.
VD. S-ro Johann Liberda, instruisto.
**Ungheni Sg. Jud. Jasi**, Rumanio. D. S-ro Niĉjo Vanghelovici, instruisto.
VD. S-ro Jakob Tril, oficisto.
**Vechta**, Germanio, Oldenburg. D. S-ro Friedrich Piper, Grosse Strasse 51.
**Vicenza**, Italio, Veneto. D. S-ro Giovanni Vanĝelista, Regie poste.
VD. S-ro Adolfo Bronchi, Casella Postale 39.
**Waidhofen a. d. Thaya**, Aŭstrio. D. S-ino Paula Pirchan.
**Wielun**, Pollando, Lódzkie. D S-ro Waclaw Janczurowicz, 11 Częstochowska

## Ŝanĝoj:

**Apolda**, Germanio, Thüringen. D. S-ro Max Walter, Bahnhofstr. 59, I.
**Aussig**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Emil Hocke, Resselstrasse 8.
VD. S-ro Wenzel Wawřinek, Westphalenstr. 292, Siedlung II.
**Birmingham**, Britlando, Warwick. D. S-ro Wildred, Bickley Johnson, 167 Nineveh Rd. Winson Green.
VD. S-ro Wilson Henry Sturge, Carpenter Rd. 35 Edgbaston.
**Buer i. W.**, Germanio, Westfalen. D F-ino Gertrud Adriau, Maelostr. 7.
**Bydgoszcz**, Pollando. D. S-ro Franciscus Prengel, Kościelna 1, II.
VD. S-ro Arthur Pankratz, ul. Matejki 7, II.
**Cernăuti**, Rumanio, Bukovino. D. S-ro Arnold Hasenöhrl, Str. J. Floridor 16.
VD. D-ro Leon Koppelmann, Str. Stefancel Mare 19.
**Chipka**, Bulgario, Kazanlik. D. S-ro Andrej N. Pănĉef Perulinko, učitel selo Chipka.
**Cluj**, Rumanio, Trans. D. F-ino Eugenia Morariu, Str. Fântânelei 10.
VD. S-ro Ernesto Hirsch, St. Josif 1.
**Cologna Veneta**, Italio, Verona. D. S-ro D-ro Umberto Toschi, Viala Gozzadini 7
**Čadca**, Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Josef Popper, ĉe Karpatia A. S., Považka župa.
**České Budějovice**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Josef Ploss, Skuherského 63
**Eskilstuna**, Svedio. D. S-ro Arvid Agren, Telegrafstationen.
VD. S-ro Erik Johansson, Styrmansgatan 7 b, Västervik.
**Fortaleza**, Brazilo. D. S-ro Francisco Falcao, R. Tristao Gonçaloés 55.
**Fulda**, Germanio, Hessen-Nassau. D. S-ro Wilhelm Heinrich Funk, Nonnengasse 7, II.
**Funchal**, Afriko, Madeira. D. S-ro Ernesto Cesar Pereira, Rua do Dr. Antonio Leite Monteiro 78.
**Gablonz a. d. Neisse**, Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Franz Keil, Wienerstr. 16 a, II.
VD. S-ro D-ro Josef Pontz, Geburgstr. 4, II.
**Gateshead**, Britlando, Durham. D. S-ro Fred Sutcliffe, 223 Prince Consort Rd.
**s'Gravenhage**, Nederlando. D. S-ro J. Ravestein jr., van Aerssenstraat 200.
VD. S-ino J. G. Isbrücker-Dirksen, v. Vosduinlaan 32.
**Hainburg**, Aŭstrio. D. S-ro Karl Mätzl, Landstrasse 7.
VD. S-ino Jenny Löfler, Ungarstrasse 9.
**Hattingen-Ruhr**, Germanio. D. S-ro Joseph Sahler, Bahnhofstrasse 49.
**Hilversum**, Nederlando. D. S-ro J. F. E. von Römer, Oude Amersfoortsche Weg 64.
**Horní Suchá**, Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro Ervin Vašica, No. 1 Jáma František.
VD. S-ro Antonín Odehnal, No. 130.
**Ljubljana**, Sudslavio, Slovenac. D. S-ro Danilo Herkov, Borštnikov trg. 2, II.
**Lublin**, Pollando. D. S-ro Czeslaw Pruski, Str. Konopnicka 8 loĝ 7.
**Lübeck**, Germanio. D. S-ro D-ro Albin Möbusz, 12 Falkenstr.
VD. S-ro Georg Klele, 17 Jürgen Wullenweberstr.
**Maastricht**, Nederlando. D. S-ro Jan Jacob Filott, Tongerscheweg 58.
**Malmö**, Svedio. D. S-ro Ernst Andersson, „Hejmo" Eriksfält, Kulladal.
**Mercurec-Ciuc**, Rumanio, Trans. D. S-ro János Gábor, Oficisto departementa.
**München**, Germanio, Bayern. D. S-ro Hans Tressel, Parkstr. 22., I W. 12.
VD. S-ro Hans Koch, Schneckenburgerstr. 33, II r.
**Mulhouse**, Franclando, Haut Rhin. D. S-ino Marie Feuerbach, 61 Rue de Colmar.
VD S-ro Camille Oltinger, 47 Ch. des Ardennes.
**Newark**, N. J. Usono, Essex. D. D-ro William S. Benson, 3, 16-th Avenue.
**New York**, Usono. ĈD. S-ro Berthold Schmidt, 12 East 41-th Street.
**Oslo**, Norvegio. D. S-ro Arne Arnessen, Bordernes Bank
VD. S-ro Jens Schjerve, ĉe Bennetts Reisebyraa, Observatorie-gt. 2. B.
**Praŭst**, Danzig. D. S-ro Max Amort, Strübingstr. 30.
VD. S-ro Werner Hoffmann, Dirschauerstr.
**Rheydt**, Germanio. D. S-ro Paul Brendgens, Limitenstr. 46.
VD. S-ro Josef Cremers, Karlstr. 36.
**Riga**, Latvio. D. S-ro Talivaldo Indra, Krišjana Barona iela 104.
VD. S-ro Edgaro Grot, Zalà ielà 7, dz 3.
**Rotterdam**, Nederlando, D. S-ro P. J. Vermaas, Nieuwe Binnenweg 340-a.
VD. S-ro W. Eck, Willebrordusstraat 71 b.
**St. Petersburg**, Usono, Florida. D. S-ino E. Esther Owen-Flint, 241 First Str. North.
**Tabriz**, Persio. D. S-ro Darjuŝ Nemseĉi, 24 Ŝeŝklan.
**Trojan**, Bulgario, Pleven. D. S-ro Mirĉo Vasileff, advokato.
VD. S-ro Minko Topaloff, komercisto.
**Tustanowice**, Pollando. D. S-ro Franciszek Trunkwalter, Wolanka-Tustanowice.
**Vaasa**, Finnlando. D. S-ro Semmi Hautamäki, Rautakatu 26.
VD. S-ro Eemeli Helminen, Kauppapuistikkatu 31.
**Vidin**, Bulgario D. S-ro Vladimir Lazarov, ul. Antimova.

## En jenaj lokoj provizoro ne plu estas delegitoj:

Aalsmeer, Nederlando; Altona, Germanio; Bellerive sur Allier, Franclando, Bodenstadt, Ĉeĥoslovakio; Brĉko, Sudslavio; Champigny a. Marne, Franclando; Dar bel Hamri, Maroko; Elze in Hannover, Germanio; Franzendorf bei Reichenberg, Ĉeĥoslovakio; Georgetown, Brita Gujano; Grusbach, Ĉeĥoslovakio; Haid bei Tachaŭ, Ĉeĥoslovakio; Hakodate, Japanlando; Holice v. Č. Ĉeĥoslovakio; Kaposvár, Hungario; Karlova Ves, Ĉeĥoslovakio: Kloster, Ĉeĥoslovakio; Kościerzyna, Pollando; Kralupy, Ĉeĥoslovakio; Leczyca, Pollando; Levanger, Norvegio; Mantova, Italio; Moravské Budějovice, Ĉeĥoslovakio; Nemecká L'upča, Ĉeĥoslovakio; Neuilly sur Seine, Franclando; Nový Bydžov, Ĉeĥoslovakio; Ostrołeka, Pollando; Ostrow Mazowiecki, Pollando; Pestujhely, Hungario; Pielisjärvi, Finnlando; Purmerend, Nederlando: Quedlinburg, Germanio; Rabenstein, Germanio; Sendai, Japanlando; Sternberg, Ĉeĥoslovakio; Stolberg, Germanio; Suolahti, Finnlando; Saint Ouen, Franclando: Tacoma Usono; Teichstadt, Ĉeĥoslovakio; Teningen, Germanio; Ulm s. D., Germanio; Veghel, Nederlando; Vincennes, Franclando; Weissig b. Freital, Germanio; Wismar, Germanio.

Genève, 20 Septembro 1926.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

---

# Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

**Sidejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève**

Ni petas, ke tiuj landaj societoj (precipe transmaraj) kaj fakorganizoj kiuj ankoraŭ ne starigis daŭran kontakton kun ni, bonvolu tion fari kiel eble plej rapide por progresigi la kunagadon.

## Cirkuleroj.

Intertempe estis forsenditaj la cirkuleroj N-ro 11 (10. 7.), N-ro 12 (15. 7.), N-ro 13 (17. 7.). Tiuj societoj, kiuj ankoraŭ ne respondis la diversajn punktojn, bonvolu tion fari tuj.

## Monkolekto por „ŝlosiloj" en novaj kaj ekzotikaj lingvoj.

Por helpi subvencion al „ŝlosiloj de Esperanto" en novaj kaj ekzotikaj lingvoj, la sekvantaj gesamideanoj bonvolis sendi mondonacojn:

*Por hebrea ŝlosilo.*

| | | |
|---|---|---|
| S-ro D-ro Olŝvanger, London | 25.— | sv. frk. |
| S-ro Geliebter, Zamosc | 12.50 | „ „ |
| entute | 37.50 | sv. frk. |

*Por ekzotikaj ŝlosiloj.*

| | | |
|---|---|---|
| F-ino Offerhaus, s'Gravenhage | 50.— | sv. frk. |
| Sennomulo, Anglujo | 3.10 | „ „ |
| S-ino Hanbury, | 2.50 | „ „ |
| S-ro Le Brun, London | 25.— | „ „ |
| S-ino Moscheles, London | 50.— | „ „ |
| S-ino Wright, Gateshead | 50.— | „ „ |
| entute | 180.60 | sv. frk. |

Kun plezuro ni akceptos pluajn, *eĉ malgrandajn mondonacojn* por la sama celo. Se la necesaj monrimedoj ekzistos, ŝlosiloj en turka kaj hindustana lingvoj povos baldaŭ aperi. Ni kvitancas publike pri ĉiu sumo ricevita. Bonvolu, sendonte kontribuojn, indiki por kiu eldono la mono estu antaŭvidata.

### Korespondantoj.

Konforme al proponoj, faritaj al nia komitato la sekvantaj gesamideanoj estis elektitaj kiel korespondantoj kaj bonvolis preni sur sin la moralajn kaj financajn kondiĉojn de tiu posteno. Ni plej kore dankas ilin pro ilia granda oferemo kaj esperas, ke ili bonvolos kiel eble plej longtempe konservi al ni sian valoran subtenon de nia komuna laboro.

N-ro 37 S-ro Don. E. Parrish, Buffalo, Usono
„ 38 S-ino van Rees, Aeschi, Svisl.
„ 39 S-ro Ernst Aron, Königsberg
„ 40 S-ro W. E. Clayton, London
„ 41 S-ro Siegm. Freund, Breslau
„ 42 S-ro D-ro L. Berendt, Berlin
„ 43 Sennomulo
„ 44 A. S. Vinzent, San Francisco
„ 45 S-ino Mary C. Gilett, Banbury
„ 46 S-ro Andreas Seidenberg, Köln
„ 47 S-ro S. G. Moser, Zürich
„ 48 S-ro T. B. Huddy, Wallasey, Angl.
„ 49 S-ro M. F. Schafroth, Burgdorf, Svisl.
„ 50 S-ro Otto Roessel, Boras, Sved.
„ 51 S-ro T. J. Gueritte, Surbiton, Angl.
„ 52 S-ro D-ro T. Sigel, Detroit, Usono
„ 53 S-ro Hans Reuss, Essen
„ 54 S-ro Fedrik Skog, Falun
„ 55 S-ro J. B. B. Dufrenne, Amsterdam
„ 56 S-ro A. Bowker, Sheffield
„ 57 S-ro Frits Lindén, Upsala
„ 58 S-ro D-ro A. Kamber, Kelené (Litov.)
„ 59 S-ro D-ro S. Rosenstock, Zagreb
„ 60 S-ino E. Guldemont, Utrecht
„ 61 F-ino J. Rickett, Shelton
„ 62 S-ro Ed. J. de Castro, Gijon
„ 63 S-ro D-ro Ellerbeck, Berlin
„ 64 S-ro St. Uzunov, Rusĉuk, Bulg.
„ 65 S-ro Prof J. C. Flügel, London
„ 66 S-ro Rud. Horn, Jägerndorf (Ĉeĥosl.)
„ 67 F-ino H. M. Furber, Shropshire, Angl.
„ 68 S-ro D-ro P. Dolak, Spisske-Vlachy
„ 69 S-ro D-ro P. Glaser, Karlsbad
„ 70 S-ro John C. Auty, Sheffield
„ 71 S-ro W. H. Sturge, Birmingham
„ 72 S-ro Fidèle Nigg, Gersau, Svisl.
„ 73 S-ro Edgar Cheetham, Halcyon, Usono
„ 74 S-ro Fadrique Fernandez, Mexico
„ 75 S-ro Ernesto E. Guerra, Tampico, Meks.
„ 76 S-ro Prof. L. Kronenberg, Bydgoszcz, Pol.
„ 77 S-ro Geo Wm. Godall, London
„ 78 S-ino Julia Goldzier, Bayonne, N. J., Usono
„ 79 S-ro Kapitano A. M. Oliva, Santa Clara, Kubo
„ 80 S-ro Kapitano Pedro M. de Villa, Santa Clara, Kubo
„ 81 S-ro studkonsilisto Fr. Dühring, Leipzig
„ 82 S-ro C. M. Houghton, Abadan, Persujo
„ 83 S-ro J. A. Johnston, Rangoon, Hindujo
„ 84 F-ino E. C. Lamb, Sea Point, Capetown, Sudafriko
„ 85 S-ro Juan V. Merlotti, Buenos-Aires
„ 86 S-ro F. Kyftenbelt, Soerabaya, Javo.

Por atingi la centon, mankas ankoraŭ 14 nomoj. Kiu proponos al ni ankoraŭ distingitajn gesamideanojn, kiuj estos pretaj faciligi nian taskon?

### Vojaĝoj de S-ro Andreo Ĉe.

Nia sekretario S-ro Andreo Ĉe prenis pli longan libertempon al sia hejmurbo en Transilvanio. Post tio li plenumos kelkajn special-misiojn en la Balkano. La unue projektitaj vojaĝoj en Norda Eŭropo do ĝis plue ne povos okazi.

5 Oktobro 1926.

*Robert Kreuz,*
Ĝenerala sekretario.

## Jubileo.



**Prof. D-ro Joh. Dietterle**

direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, Ano de la Internacia Centra Komitato de la Esp. Movado, Ano de la Komitato de UEA, Vicprezidanto de la Esp. Akademio festis sian 60-jaran naskiĝtagon la 7. Aŭgusto 1926. Al la simpatia kunbatalanto sinceran bondeziron kaj gratulon.

---

### Internacia festo de ŝparkasemo

estas 31 Oktobro. Okaze mi volas centraligi klubojn de ŝparkasaj oficistoj en unueca *„Internacia klubo de ŝparkasaj oficisto"*, kiu havus celon: konatiĝi kun internaciaj kaj naciaj-ekonomiaj rilatoj, interŝanĝi opiniojn kaj aranĝi kongresojn. Oficistoj de ŝparkasoj tutmondaj skribu min pri tuta administrado de ŝparkasoj kaj gravaj detaloj, kiujn mi publikigos en nia organiza bulteno. Mi petegas ĉiujn gedelegitojn pri divastigo inter ŝparkasanoj. Oni korespondas: esperante, france, angle, germane. Skribu al: Jan Mikŝ, estro de urba ŝparkaso, *Praha-Nusle*, Riegrovo nám. 612. Ĉeĥoslovakio.

---

# Esperantista parolejo.

### Oni laŭdas!

∴ Ges-roj *Marie* kaj *Emanuel Kubásek* el Plzeň, Ĉ. S. R., sincere dankas al S-ro Max Tessner, D. de UEA en Dresden pro afabla helpo al ilia filo, dum restado.

∴ S-ro *Jozefo Oberhauser,* ano de UEA el Ujpest kore dankas al Delegitoj kaj anoj, S-roj Wallner, Mader, Hallamayer en Graz, kompleze helpintaj dum restado.

∴ Ges-roj *J. Ravestein* el Hago tutkore dankas la Delegitojn de UEA kaj iliajn anstataŭantojn en Paris, Lyon, Avignon, Grasse kaj Cannes pro afabla servado dum vojaĝo.

∴ S-ro *Gaetano Facchi,* Del. de UEA en Brescia, multege dankas al S-ro B. Kuhl, Del. en Kraków pro kora gastameco kaj al VD. S-ro Wiesenberger, Fino R. Weinsberg, S-ro Ziomek, Ges-roj Goldberger afable helpintaj lin.

∴ Mi plenumas agrablan devon dankante sincere al la VD. S-ro Ratissa en Trieste pro lia afabla kaj malegoista helpo, same al la VD. S-ro Barthel en Frankfurt (Main), kiu bonege zorgis pri mia loĝado, dediĉis al mi multan tempon kaj akceptis min kvazaŭ filo en sia familio. *Wilh. Maier,* Ano de UEA.

∴ S-ino Ida M. Sorensen, Del. de UEA en Port Richmond N. Y., U. S. A., elkore dankas al S-ro Ermano Filippi, Roma, Prof. Carrado Grazzini, Firenze, F-ino Karolina Minio, Venezia, S-ro Gaetano Facchi, Brescia, Dr. Hermann Wehrsheim, Hildesheim, S-ro Nils A. Nordlund, Kristianstad, F-ino Sofia Lindberg, Gransholm, S-ro Henning Halldor, Stockholm, S-ro Jens Scherve, Oslo, por kora akcepto, kaj persona gvidado, dum sia vojaĝo en Eŭropo.

∴ S-ro *E. Luer,* Del. de UEA en Helmstedt, tutkore dankas al S-ro Onni Harpio, VD. en Raumo, Finlando, pro valoraj informoj.

∴ S-ro *John Hoyle,* Del. de UEA en Sowerby Bridge, Angl., kortuŝe esprimas dankon al Ges-roj Paulou kaj Sayer pro afablaj servoj.

∴ La Delegito de UEA en Luck (Polujo), S-ro Jozef Konderak faris al mi grandan helpon pri serĉita persono. Mi kore dankas lin. MA. de UEA *D. Savicki* en Sanski Most (Jugoslavio).

∴ S-ro *Ernst Andersson,* Del. de UEA, Malmö (Sved.), dankas al S-ro Anders Carlsson, Silvergärde (Halland) por afabla gastigado kaj agrabla kunesto dum sia somera libertempo.

∴ S-roj *Krušinskas, Opulskis* kaj *Prapuolenis,* litovaj esperantistoj tutkore dankas al Del. en Tallinn, F-ino Dresen, pro afabla gastigo dum vojaĝo.

∴ F-ino *Sofie Cipera* kaj fratino, Del. en Grossraming, Aŭstrio, sincere dankas al italaj samideanoj, speciale al D-ro Ghez en Trieste, S-ro Pizzi en Venezia, S-ro Blasimme en Roma pro afablaj servoj dum vojaĝo.

∴ F-ino *Regina Weinsberg,* Kraków, esprimas koran dankon al Del. kaj anoj de UEA en Antwerpen S-ro Frans Schoofs, en Bruxelles D-ro Komponeers, en Berlin S-ro Adolf Münz pro afablaj servoj dum restado.

∴ S-ro *Carlo Dominguez,* Ĉefdel. de UEA el Brazilo, esprimas profundan dankon al S-ro Philipp Kay, Ĉefdel. en London, S-ro Saldanha Carreira, Del. en Lisboa, F-ino Senff, filino de la Del. en Hamburg pro afabla helpo dum vojaĝo.

∴ S-ro *Arthur Kirchhübel,* Del. de UEA en Ebersbach i. Sa. kaj lia kunvojaĝantaro al la XVIII-a en Edinburgh kore kaj sincere dankas al la samideanoj en Bremen, precipe al S-roj D-ro Renken kaj Gerke, Barkhausen kaj Blase, plue al S-ro Percy Riseam, Del. en Cottingham kaj S-ro Albert E. Hepton, Del. en Hull pro faritaj servoj. La nomitaj samideanoj oferis tempon kaj monon kaj ĉiel helpis nin por pliagrabligi kaj plifaciligi nian vojaĝon. Ni neniam forgesos tion.

∴ Del. *A. Tager,* docento de Moskva Supera Teknika Lernejo D-ro *Paul Bessonoff* kaj docento de la sama Lernejo D-ro *Simon Kowner* esprimas sian plej koron dankon al F-ino Martha Rabe, Del. en Berlin pro ŝia ĉiama servo-preteco kun kiu ŝi sindone helpis al la efektiviĝo de ilia scienca vojaĝo.

∴ Scienca kunlaborantino de l' Moskva Instituto de Matematiko kaj Meĥaniko F-ino *Nina Bary,* Doktorino *G. Back-Pewsner* kaj D-ro *Simon Kowner* kore dankas S-ron Leon Belhoste, Del. en Paris, pro lia gravega kaj sindona helpo, konsistinta en deflankigo de grandaj malfacilaĵoj dum plenumo de ilia scienccela vojaĝo.

∴ S-ro *Franz Dreiskemper,* Del. de UEA en Recklinghausen dankas al S-ro W. L. Watermann, Del. de UEA, Torrensville, Adelaide, S-ro R. Banham, Del. de UEA, 560 Stat-Street, Carlton N, Melbourne, S-ro C. C. Dornbusch, Del. de UEA, Warwick, Queensland kaj precipe F-ino F. Cherret, Del. de UEA, Perth ĉiuj en Aŭstralio por iliaj ŝatataj helpoj. La aliajn Delegitojn mi petis respondi al mia peto kaj sendi al mi detalojn pri ŝiplinioj, fervojoj kaj trafiko de Aŭstralio; bezonataj por doktora laboro.

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Haack-Marly,* Mainz a. Rh., Barbarossaring 8 naskiĝis 3. 9. filo nomita Haroldo.

∴ Al Ges-roj *Hugo Bär* el Dresden, nuntempe en Sofia naskiĝis filino Antonetta Sigrid.

∴ Al Ges-roj *Max Butin,* ano de Lingva Komitato, naskiĝis knabeto Max.

∴ Al Ges-roj *Frankenberger* en Praha, naskiĝis filino Eva.

∴ Al Ges-roj *Kho Yok Siang,* ano de UEA en Soerabaya naskiĝis filo Kho Khwat Liat.

∴ Al Ges-roj *Ernst Grund,* VD. de UEA en Bucureşti naskiĝis filino Inge.

∴ Al D-ro *Aldo Schmukher,* VD. en Genova, naskiĝis filino nomita Alberta.

∴ Al Ges-roj *Harna,* Del. de UEA en Detva, Ĉ. S. R., naskiĝis filineto Maria-Anja.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *F. Douglas Murphy,* Del. de UEA en Ipswich, Angl., kun F-ino *Olive Phillips.*

**Edziĝoj.** — S-ro *Josef Major,* ano de UEA el Budapest kun F-ino *Cecilia Sampson,* anino de UEA el Torquay en Paris.

∴ S-ro *Vaša Hrdlička,* ano de klubo „Verda Stelo“ en Praha kun F-ino *Luise Tuschner.*

∴ Nia malgaŝa samideano kaj Del. de UEA en Tananarivo S-ro *Jean Laurent Andrianasolo* edziĝis kun F-ino *Heleno Razanajaza* en Ambohivanoro.

∴ S-ro *Wenzel Tippelt,* nia VD. en Hermannseifen, Ĉeĥoslovakio, kaj F-ino *Maria Möwald.*

∴ S-ro *Albrecht Freiherr von Lobkowitz.* Del. de UEA en Lüneburg kun F-ino *Hansi Sapletal.*

∴ S-ro *V. J. Rikström,* Del. de UEA en Makslahti (Finnlando), kun F-ino *Anna Sofia Saila* en Koljola.

∴ S-ro *Maurice Huber,* DM kaj Del. de UEA en Coomassie (Ora Bordo, Afriko) kun F-ino *Andrée Huber.*

**Doktoriĝo.** — Nia konata krakova samideano, S-ro *L. Dreher* sukcesis sian doktoran ekzamenon ĉe la jura fakultato de la Krakova Universitato.

**Honorigo.** — S-ro prof. *Camille Aymonier* (Paris) kaj S-ro D-ro *Plantier* (Annonay) ricevis la krucon de Kavaliro de la Honora Legio.

∴ S-ro *Artur Pavelka*, membro de UEA en Olomouc, fariĝis ano de Ĉeĥoslovaka senato.

∴ S-ro *Robert Maraury*, malnova hispana propagandisto de Esperanto kaj dumviva ano de UEA estis elektita akademiano de la reĝa hispan-amerika akademio pri sciencoj.

∴ S-ro profesoro D-ro *Vladimir Köppen*, ano de UEA en Graz, estis nomita „doktoro pro honora kaŭzo“ ĉe filozofia fakultato. (Gratulon! Red.)

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **Georgi A. Traŝliev**, bulgara esperantisto el Vraca.

S-ro **Jeance**, post longa malsano, ankoraŭ juna, sed fervora ano de UEA en Lyon.

S-ro **Mario Cavagna**, popollerneja instruisto, ano de UEA, konsilanto de Esperanto-grupo en Udine (Ital.) en aĝo de 38 jaroj, subite mortis la 1 Septembro. La Udinea esperantistaro perdis sinceran kaj ageman kunbatalinton. *J. D. S.*

F-ino **Aline Sandström**, fratino de la estinta prezidanto de Esperanto-Asocio de Finnlando S-ro Albin Sandström, post daŭra malsano mortis 25 Aprilo 1926 en sia 50-a vivjaro. Ŝi estis malnova samideanino, konata ne nur en finnlandaj sed ankaŭ en eksterlandaj esperantistaj rondoj, ĉiam afabla, ĉiam preta oferi sian helpon. Ĉe ŝia enterigo en Helsinki 28 Aprilo S-ro K. S. Ahonius en la nomo de la loka esperanto-societo „Nordlumo“ metis florkronon kun verdaj rubandoj sur la tombon kaj en esperantlingva parolado esprimis sentojn de sincera dankemo kaj profunda funebro de la societanoj. La memoro de la mortintino restas vere bela kaj hela en la koroj de ĉiuj ŝiaj geamikoj. *Wgn.*

La 6. 7. 1926 pereis en la ondoj de Strumen apud urbo Pinsk du oferoj de malfeliĉa okazo: 15-jara **Zofio Soloniewicz**, gimnazianino kun 5-jara **Eduardo Soloniewicz**, fratino kaj amata filo de D-ro med. R. Soloniewicz, Del. de UEA en Zychlin (Pollando).

La Chemnitza Esperanto-societo perdis sian meritan prezidanton. S-ro D-ro **von Malachowski**, Urba Jurkonsilanto mortis pro orelmalsanigo. Li estis modela esperantano: serena, plenspirita, tute senegoiste laboranta por Esperanto. Ŝuldataj al li estas, la enkonduko de Esperanto en la tri superaj lernejoj. Lia trofrua morto estas grava perdo por nia movado. Lia aktiveco estis kaj estos por ni modelo. Estu korege dankita, kara samideano kaj amiko! Via memoro estu benita! *E. Klemm.*

F-ino **Héléne Lique**, Del. de UEA en St. Mau-la-Varenne, havis la malfeliĉon perdi amatan patron.

S-ro **Heinrich Rippel**, Del. en Würzburg, priploras morton de la patrino.

D-ro **Jakob Hanau** en Wiesbaden, germana pioniro de Esperanto, mortis atinginte ne longe antaŭe la belan aĝon de 80 jaroj.

**Sinceran kunsenton!**



### Germanio.

**Annaberg (Erzgebirge).** S-ro Carl Preu, 19-jara, Fleischergasse 7, PI, PM.

**Dresden 23.** S-ro R. Protze, instruisto, Grossenhainer Str. 75, por 25 popollernejaj Esperanto-kursanoj, 12—13-jaraj geknaboj, mi serĉas korespondgeamikojn, kaj ankaŭ mi mem estas preta, interŝanĝi korespondaĵojn.

**Frankfurt a. O.** F-ino Erna Jentzsch, Fürstenwalder Str. 47, PI bll, L.

**Hirschberg-Cunnersdorf i. Rsg.** S-ro Richard Neumann, Jägerstr. 25, dekora pentristo, PI, L kĉl., pentraĵojn, desegnaĵojn.

**Horneburg bei Stade.** S-ro Walter Oschwald, ĝardenisto, Haus Eicheneck, PM, PI, gaz., L pri ĉiaj temoj kĉl. certe respondos.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Otto-von-Guerickestr. 61, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanoj prefere kun kelkiuj el ekstereŭropaj landoj.

**Mainz a. Rh.** S-ro P. Becker, Del. de UEA, Augustinerstr. 58, PM, ilustritajn gaz.

### Hispanio.

**Barcelona.** S-ro José Ma. Coll., str. Llacuna no. 52, 1°, 2a, L, PK, PM bfl kĉl. kaj precipe kun ekstereŭropanoj.

**Barcelona.** S-ro Ildefonso Maná, str. Burriana no. 76, L, PI bfl kĉl. kaj precipe kun ekstereŭropanoj.

### Hungario.

**Szombathely.** S-ro Francisko Horváth, Falsóhegy, L, PI, PM, nepre respondas.

### Italio.

**Venezia.** S-ro Virgilio Biban, Tiro a segno Nazionale, Lido, PM kĉl.

### Litovio.

**Kaunas.** S-ro D-ro Kazys Petroniŝ, gatve 5, bûtas 8, PM, PI, esperante kaj ruse.

### Meksiko.

**Tampico.** S-ro Ernesto E. Guerra, L kun sinjorinoj, fraŭlinoj aŭ plenaĝaj studentoj. Tiuj kiuj konsideras skribadi kvazaŭ punlaboron, kiuj ŝatas nur pritrakti pri veterŝanĝoj, aŭ kiuj havas determinatajn materialajn celojn, ne okupu sin pri tiu ĉi anonceto.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. Zilver, P. O. B. 1055, PM seriozajn, ne akceptas bagatelojn.

**Vught.** S-ino G. van Heeswijk, B. 1, Kloosterstraat, PM.

### Pollando.

**Lodz.** S-ro Adam Smolarek, Ogrodova 24, PI bfl kĉl. Tuja respondo.

**Lwów.** S-ro Henri Nový, ĉe Magazyn P. T. H. str. Pompierska 1, PM kĉl., minimume 100, ne sendas unue, ĉiam tuj respondas.

**Stanislawów.** S-ro Henryk Fedynŝkyj, Bilinski str. 15, PK, PI, L, PM bfl kĉl., esperante, germane.

**Warszawa.** S-ro Józef Jodlowski, ul. Sw. Barbary 12, PM, PI.

### Rumanio.

**Timiŝoara-Elizabetin.** S-ro Ludoviko Lörintz, Doĵa 17, L, PI per popolkantoj, PM 50—100, sendos saman kvanton diversajn el mia lando.

### Sudslavio.

**Senta.** S-ro Francisko Belecz, Wilsonowa ul. 5, br., PM, PI, L kĉl.

### Svislando.

**St. Gallen.** S-ro F. Rosenegger, Zieglerstrasse 5, PM kun tuta Eŭropo laŭ Yvert aŭ Senff aŭ popece. Ne sendas unue.

### Usono.

**Hannibal (Mo.).** S-ro Verle P. Miller, farmaciisto, 518 Olive Street, PI, dorsflanke.

**Los Angeles (Cal.).** S-ro P. Tobi, 1312 West 61 Street, PM nur valorajn kĉl.

**New York.** F-ino N. Berns, 260 82 nd Street, Borough of Brooklyn, PI, PM kun Azio, Afriko, Sud-Ameriko.

---

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Abstinentaj fervojistoj.** S-ro Systermans, viclakestro ĉe la ŝtatfervojoj en Paris (Oficejo pri plendoj), deziras ekscii pri la nomo kaj adreso de la ĉiulandaj fervojistoj, kiuj interesiĝas pri kontraŭalkoholismo. Skribu al li: 21 bis rue Duhesme, Paris XVIII.

---

**Almanako.** A. Prager, Moskva, U. S. S. R., Box 605, malnova esperantisto (preskaŭ 28 jaroj), petas ĉiujn pionirojn de esperantismo, sendi adresojn por eldono de Almanako. Fotoportretoj estas petataj.

---

**Avizo!** Mi ricevis de multaj korespondantoj L kaj PK kun interŝanĝaj objektoj, sed pro mia malsano mi ĝis nun ne povis al ili respondi. Iomete saniĝinte mi nun sciigas al ĉiuj miaj korespondantoj, ke mi ne respondas al tiuj, kiuj ne estas sendintaj aŭ nesendos respondkuponojn. Alie mi ne prenas respondecon pro iliaj sendaĵoj. Studento Jonas Unguraitis. Žvirgždaičiai, Sak. Naumiestis, Litovio.

---

**Bulgara Antologio** — aldono kun dek novaj verkistoj — baldaŭ aperos. Por aĉetintoj de la ĉefparto 1 sv. fr. aŭ egalvaloro. Adreso: I. Krestanoff, ulica 27, julio 8, Varna (Bulgario).

---

**Esperantan ekspozicion** kaj varbvesperon intencas aranĝi la komencjare fondita „Esperanto-Gruppe im G. D. A.“ (Asocio de gekomizoj) kaj petas sendi PI bfl, gazetojn, propagandilojn ktp. Ĉiu sendinto ricevos PI de nia bela Saale-urbo. Adreso: Martin Hönig, Alter Markt 25, III, Halle a. d. Saale, Germanujo.

---

**Ekspozicio.** La „New Cross“ Esperantista Rondo aranĝos je la 23-a de Oktobro propagandan ekspozicion kaj ĝi kore petas pri alsendo de ĉiaj esperantaĵoj al S-ro W. H. Lester, 2, Guildford Road, Greenwich, London, S. E. 10, Anglujo.

Kun tiu ĉi numero estas sendataj:

1. **Libroservo de UEA:** Mendilo por Biblio.
2. **Turisma servo:** Gvidfolio pri Torquay.
3. **Reklama servo:** Prospekto de firmo Ellersiek & Borel pri „Universala Lernolibro“ de D-ro Moebusz.



Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg